# Heroldo de Esperanto

**Sendependa organo de la Esperanto-movado / Semajna / Internacia / Universala**

**Administracio:** Köln a. Rh. (Kolonjo), Brüsseler Strasse 94, Germanujo. **Redakcio:** Ĉefredaktoro: Teo Jung; resp. redaktoro: Joseph Berger; anonca redaktoro: Michael Wieland. La redakcio ne resendas manuskriptojn aŭ fotografaĵojn; retenu por vi kopion! **Telefono:** 5 68 93. **Subfakoj: Librejo kaj Presejo.** Skribante al ni, uzu por ĉiu fako (administracio, redakcio, librejo kaj presejo) apartajn foliojn! — **Prezo de Abono** (nur antaŭpage): 15 germ. rmk.; mendita per la poŝto aŭ rekte ĉe la eldonejo: **12 germ. rmk.** Oni povas pagi kvaronjare.

**Dekunua Jarkolekto**
**N-ro 50 (598)**
**12 decembro 1930**
(8-paĝa)

**Prezo de Anoncoj:** po unucentimetra kolonero (62 mm larĝa) 1.20 rmk. **Anoncetoj** (nur antaŭpage) kostas po vorto aŭ mallongigo 0.05 rmk., minimume 1.— rmk. **Rabato:** 3× enpreso 10%, 5× 15%, 10× 20%. **Poŝtaj ĉekkontoj:** (ĉiuj niaj kontoj funkcias sub la firmo „Heroldo de Esperanto, Köln, Germanlando"): Bruxelles 204.404; Budapest 59.379; København 49.62; Köln 1117.76; Milano 3/954; Praha 781.93; St Gallen IX/4602; Stockholm 41.80; Warszawa 191.094; Wien D 62.473; Zagreb 408.14; Zeist 130.630. — **Banka konto:** Deutsche Bank.


## *Tago de l'Majstro*  *Tago de l'Libro*



## 15. 12.

Jen denove pasis jaro, laŭvice la 71-a, post kiam en urbo Bjalistok, en malriĉa ligna dometo ĉe str. Jatkova, — hodiaŭ Zamenhofa — naskiĝis infano, kiu kvazaŭ kunportis en la vivon genion kaj altan destinon feliĉigi la homaron per sia postea Esperanto.

Tiuj ĉi genio kaj destino evidentiĝis jam en plej frua junulaĝo de Zamenhof. Liaj pensoj evoluadis en bedaŭrinde tre favora por si atmosfero de intergenta malamo kaj religia netoleremo, ĝis — fine, en la jaro 1887 „en la mondon venis nova sento".

Sed — ĉu nova? En tempo praava de la antaŭbabilontura epoko homoj havis ja ankaŭ unu lingvon, eble ne tiel belsonan kiel Esperanto, tamen — unu komprenilon.

Kaj ili estis dum longa tempo feliĉaj. Sed homo neniam estas kontenta. Li penas ĉiam ĉion plibonigi, perfektigi.

Civilizacio . . . .
Mi havis iam sonĝvidaĵon . . .
Mistera, peza estis ĝi.
Kalejdoskope multfigura
Ĝi foraperis antaŭ mi.
Mi vidis iun homamason
Sur iu alta montospin'.
Grandegan ion konstruante,
Ĉielaltigis ili ĝin.
Subite tiu mont' eksplodis . . .
Kaj tuj disfalis ĉio for . . .
Vidaj' unua malaperis —
La monto, turo kaj labor'!
— — — — — —
Fajfrumas kugloj, falĉas glavoj,
La morto dancas. Ĝemo . . . kri' . .
Batalsovaĝa sangorgio —
Vidaĵo dua antaŭ mi.
Furie falĉas la mortilo,
Senlaca, ŝvitlaboras ĝi.
Kaj kreskas ĝojrikolto ĝia —
Pli alten ĉiam, ĉiam pli . . .
Sed jen teruron de l' batalo
Traboras iu lumradio.
Satiĝis drako sangavida,
Paciras iu procesio.
Standardo brilas kaj majestas
Sub harmonia himnokanto,
Koloro ĝia verda estas
Kaj nomo ĝia — Esperanto.
Ĝin, junan, belan, verdostelan
Bruventoj for elpuŝi penas,
Sed fortaj manoj de l' stelanoj
Standardon sian alte tenas.
Kaj iras mondon himnotonoj
Jen super ventoj, super bru',
Potence eĥas ĝiaj sonoj,
Pli alten ĉiam, ĉiam plu . . .
Vidaĵo lasta malaperis.
Mistere tremis mia koro . . .
Vekiĝis mi, ho, kun sopiro
Je tiu plejbenita horo . . .

Do — kiam niaj praavoj estis jam sur pinto de siaj intencoj, la turo disfalis kaj kun ĝi — ilia feliĉo. Legendo, kiun ĉiu bone konas. Kaj nun? Ĉu estas malsame?

Ne. Homo, nesatigebla en siaj deziroj, hodiaŭ ankaŭ suprencelas, penante subjugi la naturon. Per gigantaj lornoj li penas enpenetri en vivon de Marso; per teruraj raketeljetiloj li provas forsendi sian proksimulon en ĉielon (bone, ke ne en la inferon); pere de diversaj mediumoj li penas elvoki spiritojn el ilia trankvilo; aeroplanoj altflugaj kaj subĉielaj zepelinoj — ambaŭ havas jam siajn abundajn tombejojn en la tutmondo . . . ktp. . . . tiel plu . . .

Ankaŭ Esperanton oni ne lasas trankvila. Sed same kiel la naturo venĝas severe, defendante sin kontraŭ homaj atencoj, ankaŭ Esperanto sukcese kontraŭstaras kaj vaniĝas ĉiajn penegojn de diversaj reformistoj, kiuj volas ĉu perfektigi ĝin, ĉu krei anstataŭe ion novan, plibonan. Diversaj novaj sistemoj, al kies aŭtoroj laŭroj de Esperanto forpreñas la dormon, penas restarigi la turon kaj havigi al siaj aŭtoroj gloron de Herostrato.

Esperanto staras firme kiel roko granita, mokante siajn mokintojn kaj ridindigante la reformistojn. Ni jam eliris el fajro de pruvoj, el diversaj uraganoj kaj eksplodoj. Komprenëble — nia vojo estas ankoraŭ longa, sed la pli malfacilan, pli dornan parton ni jam pasis. Niaj paŝoj grandiĝas, fortoj — potenciĝas.

Nia paca armeo, kvazaŭ tanko potenca, paŝas, detruante survoje skeptikecon kaj indiferentecon.

Ne sango, ne pereo signas la vojon, ne morto estas ĝiaj heroldoj. Ĝi portas ĉien branĉetojn olivajn de l' amo. De tempo al tempo la neevitebla leĝo de l' vivo, senkompata morto elpuŝas gvidbastonon el manoj de niaj oficiroj. Feliĉe tuj anstataŭas ilin aliaj, pli junaj fortoj. Do — al vi, junaj, al kiuj apartenas la estonteco, al vi turnas sin rigardoj de la homaro. En vi ĝia fiero kaj espero. Vi lernas Esperanton ne nur por paroli kaj disputi, sed ankaŭ — por labori, por aĝi . . . Do, faru la vojon!

FeZ.

## Internacia signifo de Esperanta literaturo kaj ĝia ekstera signo: La festo de la libro.

La disharmonia homa animo sopiras harmonion, kreas por si sonĝojn kaj vivas por la efektivigo de tiuj sonĝoj. Tiel fariĝas el utopioj vivantaj realaĵoj. Antaŭ kelkaj jardekoj la ideo pri lingvo internacia ŝajnis la plej malproksima utopio kaj jen hodiaŭ ĝi estas nekontestebłe unu el la plej gravaj kulturmovadoj. La nerompebla fido, la nelacigebla aktiveco de la unuaj pioniroj alportis veran donacon al la progresema homaro kaj la ideo de lingvo internacia en formo de E s p e r a n t o vivas memstaran vivon. Multaj faktoroj certigas ĝian vivon, sed ĝiajn evoluon, unuecon, esprimriĉecon kaj taŭgecon en ĉiu medio de la homa socio pleje garantias ĝia l i t e r a t u r o, jam konsiderinde ampleksa, konstante kreskanta.

La pioniroj de la Esperanta literaturo multajn jarojn sieĝis preskaŭ senrezulte la indiferentecon de la samcelanoj, kiuj ne plene konsciis pri la grava rolo de la literaturo en nia movado, sed feliĉe la kora varmo de la neestingebla interna fajro de niaj verkistoj kaj tradukistoj degeligis la glacion de neglektemo, la samideanaro konsciis pri la nesuperebla forto, kiu kaŝiĝas en la memstara, propran kulturon esprimanta literaturo kaj tuj post la milito akceptis en sia favoro la duonorfan malzorgitan infanon de la movado, subtenante per ĉiu forto spirita kaj materiala la E s p e r a n t a n  l i t e r a t u r o n. Fine la tutmonda esperantistaro komprenis, ke riĉa literaturo, esprimanta la specialan sentaron de nia popolo, plej impone povos influi la skeptikan eksteran mondon kaj ĝi prilaboras tian vivantan lingvon, kiun eĉ la kontraŭuloj de Esperanto ne povos plu ignori.

Antaŭ kelkaj jaroj la esperantistaro kreis belan kaj noblan tradicion por akceli la plenan sukceson kaj prosperon de la lingva evoluo kaj samtempe demonstracii pri sia vivanta celkonscio.

Tiu ĉi tradicio estas: la F e s t o  d e  l a  L i b r o. Laŭ sugesto de propono oni fiksis la naskiĝtagan datrevenon de nia karmemora majstro — la Tago de la Libro kaj tiun oni festas per aĉeto de Esp.-verkoj. Tiun tagon ĉiu konscia esperantisto, ĉiu vera adepto de la lingvo metas sian obolon sur la tablon de la librovendisto kaj prenas al si almenaŭ unu el tiuj belaj donacoj, kiujn oferis por la lingvo la amo de niaj literaturistoj. Ne grave, kion vi elektas el la trezorejo de la literaturo, sed estas unuarange grave, ke vi ne forgesu subteni per aĉeto de a l m e n a ŭ  u n u  v e r k o  E s p e r a n t a la plej ĉefan vivoforton de nia movado. La elekto de la verkoj dependas de gusto kaj de monujo. Se vi kapablas oferi pli, ne hezitu elspezi kelkajn guldenojn. Se via financa situacio permesas al vi oferi nur kelkajn cendojn, ne hontu doni la sumeton, ĉar ankaŭ per tio vi plenumos noblan devon.

Rigardu la bretaron! Sur ĝi abundas la plej belaj floroj de la spirita ĝardeno. Elektu el ili laŭ via plaĉo!

*

Tiel skribas Julio Baghy (kiu nuntempe troviĝas en Nederlando) en la ĵus aperinta numero de „Holanda Esperantisto".

Ni aldonu ke estis Julio Baghy mem, kiu en la jaro 1927 proponis, per s-ro Balkányi, la arangon de Esperanta Librofesto al la Universala Kongreso en



**„Monaĥej-lernejanoj".**

Nia bildo estas reproduktaĵo de pentraĵo de Eduard von Gebhardt. Ĝi troviĝas en la posedo de l' Arthalo en Hamburgo. — La bildo imprese sugestas al ni la penson pri la fortaj interrilatoj inter junularo kaj libro. Ne malprave oni ĉiam kaj ĉie povas aŭdi la diron, ke la junularo estas nia estonteco; ne malprave novaj kaj malnovaj movadoj klopodas gajni la gejunulojn kaj formi el ili bravan antaŭgvardion standardoportantan. Ankaŭ ni esperantistoj ne malzorgu inter niaj vicoj la junulan movadon. Por plenigi niajn gejunulojn per la spirito de niaj unuaj pioniroj kaj batalantoj, ni ne havas pli bonan rimedon ol la Esperantan libron. Ni uzu la okazon de l' Librofesto kaj metu en la manojn de la junaj esperantistoj la ŝlosilon por la Esperanta literaturo.

Danzig. La propono de Julio Baghy trovis tiutempe simpatian akcepton, kaj oni devas diri, ke la rezultato en la unua jaro de l' arango de la librotago estis bona kaj kontentiga. En la sekvintaj jaroj la rezultato estis malpli brila; tamen la serioza kaj legema parto de l' esperantistaro jam kutimiĝis al tiu aranĝo, kaj la Festo de la Esperanta Libro, okazanta ĉiujare je la naskiĝotago de l' aŭtoro de la mondhelplingvo, fariĝis jam tradicio.

Kaj vere, ĉu ekzistas pli trafa maniero por honori la memoron de nia majstro, ol la Festo de la Libro —, la Tago de la Esperanto-Literaturo? Kaj ĉu ne estas ĝojo por ĉiu esperantisto vidi, kiel kreskas kaj kreskadas nia literaturo? Oni komparu la librokatalogojn de la Esperantaj firmoj — ĉu ili ne ĉiujare pliampleksiĝas aŭ, almenaŭ, montras pli kaj pli valorajn verkojn?

La nunjara librotago alportas eĉ tuj du gravajn ĉefverkojn: la Universalan Historion (Mondhistorion) originale verkitan en Esperanto, sub titolo **„Jarmiloj pasas"**, kaj la Esperanto-tradukon de la **Andrée-libro** — verkojn, kiujn ĉiu samideano, kiu disponas ankoraŭ pri iom da libera mono, nepre devas meti en sian bibliotekon kaj kiel eble plej ofte legi kaj relegi.

Cetere, la Librofako de Heroldo intencis por la nunjara librotago eldoni ankaŭ novan novelon de J. Baghy, la favorata literaturisto de la Esperanta publiko, sub titolo: „Printempo en aŭtuno". Pro diversaj kaŭzoj la eldonado de la libro iom prokrastiĝis; sed ĝi estos havebla en la komenco de la nova jaro.

*

Gesamideanoj, la librotago ekĉeestas. Festu ĝin bone! Subtenu niajn verkistojn kaj eldonistojn, kiuj multon oferas kaj multon riskas por nia movado! Donu al ili novan kuraĝon, novan energion, novan fidon, por ke ili ĉiam pli laboru, ĉiam pli multe kreu, ĉiam pli multe risku por la pliriĉigo de la Esperanto-literaturo kaj, per tio, por la bono de nia movado!

Jes, **por akceli la reputacion de nia movado,** kaj **por honori nian majstron,** ĉiu konsciu la 15-an de decembro pri sia morala devo!




**Bulteno n-ro 1.**

**Adreso por leteroj:** Universala Kongreso de Esperanto, Kraków, Lubicz 34, Pollando.

**Loka Kongresa Komitato.** Organiziĝis LKK, konsistanta el: s-ro D-ro Odo Bujwid, universitata profesoro — **prezidanto;** s-ro D-ro M. Blassberg, kuracisto; s-ro Inĝ. Edward Kostecki, direktoro de industria lernejo; s-ro Inĝ. Eugenjusz Tor, direktoro de muzeo industria — **vicprezidantoj.** S-ro Tadeusz Hodakowski, gimnazia profesoro kaj lektoro de Esperanto ĉe la loka universitato — **ĝenerala sekretario;** s-ro Stanisław Rudnicki — **administra sekretario.** Krome estas fiksitaj **kvin sekcioj** nome: propagandgazetara, loĝeja, ekskursa, amuza kaj de kursgvidado. Detaloj sekvos.

**Kotizo.** Por ĉiu kongresano 44 złoty (egalas proksimume al 20 ŝilingoj britaj, 125 francaj frankoj, 20 germanaj markoj, 12 nederlandaj guldenoj, 25 svis. frankoj, 5 usonaj dolaroj). Oni sendu la kotizon antaŭ la 1-a de julio, ĉar post tiu dato la kotizo estos je 50% pli alta. **Plej oportune** estas sendi la kotizon per poŝta ĉeko je la konto de 23-a Universala Kongreso de Esperanto en Kraków, n-ro 410.975. Informu vin, ĉu el via lando oni povas sendi tiamaniere. Oni povas ankaŭ sendi je bankkonto: **Bank Gospodarstwa Krajowego,** Kraków. Se banko ne ekzistas, sendu per internacia poŝtmandato aŭ registrita letero.

**Aliĝoj.** Ĝis nun aliĝis 34 personoj.

**Blindula kaso.** Por ebligi al blinduloj partoprenon al la kongreso, s-ro Sennomulo enpagis 50 zł.

**Donacoj.** La LKK volonte akceptos donacojn, por plensukcesigi la kongreson. Jam enpagis s-ro Sennomulo 50 zł kaj s-ro Pęksa el Czarny Dunajec 6 zł.

**Jurnalo.** Ĉiu aliĝinto al la kongreso ricevos senpage tuj post sia aliĝo la revuon Pola Esperantisto.

## Viena Deficito.

Ni estos dankaj al la samideanoj, kiuj ankoraŭ ne sendis sian donacon por helpi al la saldo de la Viena Deficito, ke ili tion faru tuj post apero de nia alvoko.

Ankaŭ ni petas la esperantistojn, kiuj prenis sur sin la kolektadon en siaj landoj, ke ili bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ la sumojn ricevitajn kun la nomoj de la donacintoj al „Bonveno", 47 Manor Way, North Harrow, Middlesex, Anglujo.

Ni ŝatus saldi tiun malfeliĉan aferon antaŭ Kristnasko kaj publikigi broŝuron kiu enhavos la plenan liston de la donacintoj.

Kun antaŭaj dankoj pro via baldaŭa respondo, ni restas samideane, viaj

P. kaj M. L. Elaise.

## Esperanto kaj komerco.

**Esperanto en la komerco.**

La Roterdama Komerca Ĉambro enpresigis en la plej gravaj nederlandaj gazetoj artikolon pri Esperanto, kiu ne bone juĝas nian lingvon, kvankam la enhavo ne estas nevera.

La Roterdama Esp.-Unuiĝo Merkuro nun decidis klopodi konvinki la Komercan Ĉambron pri la utileco kaj uzebleco de Esperanto, ankaŭ por la komerco.

Sed ĉar la membroj de tiaj ĉambroj estas ekstreme praktikaj homoj, ni bezonas por nia klopodo nur praktikajn faktojn, kiel ekz.:

En kiuj lokoj Komercaj Ĉambroj protektas Esperanton?

Ĉu ekzistas oficejoj, kie oni uzas Esperanton?

Ĉu estas magazenoj, kie Esperanto-kono estas deviga?

Kie la polico oficiale uzas Esperanton? Kaj tramistoj?

Pri ĉi tiuj demandoj ni bezonas informojn. Legantoj de Heroldo en la tuta mondo, helpu nin kaj sendu viajn sciigojn al ni. Eĉ la plej malgrava laŭ vi estas multvalora por ni.

Jam nun ni tutkore dankas vin. Atendante viajn poŝtaĵojn, por la estraro de „Merkurio", altestime

J. D. Brakel, prez.,
Beutelsdyk 41, Rotterdam, Nederlando.

*

**Esperanto ĉe komerc-teknika ekspozicio en Wien.**

Dum la **„Tutmonda Kongreso de l' Informoficejoj, Institutoj por la protekto de l' kredito kaj Organizacioj por enkasigo"** okazonta de la 14-a ĝis 18-a de decembro 1930 estos aranĝata la „Unua Internacia Ekspozicio de Utensiloj por Protekto de l' Kredito". Interkonsente kun la Kongresa Komitato aranĝos Aŭstria Esperanto-Delegitaro en la kadro de la nomita ekspozicio ankaŭ fakan ekspozicion pri „Esperanto en la servo de l' internacia komerco kaj trafiko".

La prezidantaro de A. E. D. esperas per tiu ĉi ekspozicio interesigi la internacian kongresanaron kaj la lokajn aŭtoritatajn instancojn pri la graveco kaj la praktika uzebleco de Esperanto en la servo de internaciaj entreprenoj.

## Sigelmarkoj.

Kun granda bedaŭro ni devas sciigi, ke la Esperantaj sigelmarkoj provizore elĉerpiĝis. Sed ni esperas ke jam komence de januaro 1931 ili denove estos haveblaj, kune kun anglaj kaj francaj. Do, ni petas vian paciencon ĝis tiam.

# Saluto al la tutmonda samideanaro.

La ĵus organiziĝinta Loka Kongresa Komitato de la 23-a Universala Kongreso de Esperanto sendas sian koran saluton al la tutmonda samideanaro.

Karaj gesamideanoj! Tuj post nia organiziĝo ni komencis viglan agadon, por inde prepari nian ĉiujaran solenan feston. Granda laboro atendas nin — tion ni bone scias, sed kun granda ĝojo ni akceptis nian malfacilan taskon de la kongresorganizado. Stimulo en niaj klopodoj estas sublimaj ideoj de la Esperanto-movado kaj profunda konvinko, ke ni trovos ĉe vi, karaj samcelanoj, viajn apogon, helpon kaj konsilon. Ni laboros kun penso pri la profito al la Esperanto-movado kaj por kontentigi vin.

Loka Kongresa Komitato
de la 23-a Universala Kongreso
en Kraków.

# Kroniko de l'Esperanto-movado.

**Bulgarujo.**

**Plovdiv.** Nova estraro fondis vintran Esperanto-Universitaton kiu aranĝis tri paroladojn. Malfermitaj estas du kursoj ĉe la Esp.-klubo; kursgvidanto s-ro Iv. Ŝivarov. Arangitaj du te-vesperoj. Ĉiun dimanĉon paroladoj. La adreso de la societo estas: Iv. Ŝivarov, 134 Karlovska.

**Ĉeĥoslovakujo.**

**Orlová** (Silezio). Lasta kunveno de UEA-del. en Stonava la 9. 11. decidis organizi „Ligon de esperantistoj sileziaj". Preparan komitaton prezidas s-ro Krysta. Celo: Per komunaj fortoj propagandi Esperanton per kursoj, prelegoj, ekskursoj, teatraĵoj ktp. La 14. 12. granda kunveno en hotelo „Hvězda" kun ĉeĥa-esperanta amuzvespero. Abunda programo.

**Germanujo.**

**Bochum.** Malgraŭ peze premanta krizo la loka grupo „Progreso" de GEA sukcesis okazigi la 15. 11. en „Bürgergesellschaft" sian 19-an fondiĝofeston. Krom ĉ. 60 urbanoj la prez. studkons. D-ro Wullen povis saluti gastojn el Essen kaj Gelsenkirchen. Profundpensan festparoladon pri „La fontoj de Esperanto" faris s-ro apotekisto Stein. Sub la alegorio de l' Rejn-riverego kun ĝiaj multaj flankaj riveroj, riveretoj kaj fontoj li montris, ke Esperanto estas kvazaŭ la unusola daŭra kunfluaĵo el pli ol 150 mondlingvaj projektoj, mirinda koncentriĝo de la ĉefaj hindo-eŭropaj lingvofluoj, ebligita nur per la tri-fonta genio de Zamenhof, nome per tiaj eksterordinara lingvokapableco, profunda sopiro al interpopola fratigo kaj neskuebla obstineco en realigado de foje ekkaptita grava ideo. Jam pli ol 40 jarojn fluadas nun la ĉiam kreskanta Esperanto-rivero; ĝi ne plu foriĝos, sed fine akvigos kaj fekundigos ĉiujn landojn.

La multe aplaŭdatan preskaŭ unuhoran paroladon sekvis kantadoj — inter ili melodia nova kantsaluto laŭ Haŭbold el Bennemann, Internacia Kantaro, kaj dancadoj kun plaĉa muziko de triinstrumenta jaz-orkestro, ĝis kiam la tro rapideme alproksimiĝinta horo de adiaŭo disigis la festgepartoprenintojn.

**Flensburg.** F-ino Jacobs instruas 15 personojn laŭ Ĉe-metodo.

**Hamburg.** En la Polica Lernejo s-ro Minor instruas Esperanton.

**Kiel.** S-ro Backhaus instruas Esperanton en la lernejo, kiun li gvidas.

**Polujo.**

**Warszawa.** La 1. 11. okazis ĝenerala jarkunsido de Akademia Esperantista Rondo ĉe J. A. H. (Nowy Swiat 21, telef. 404-29, dimanĉoj kaj ĵaŭdoj 20—22 h.). La jarraporton prezentis s-ro I. Dratwer. Laŭ ĝi la Rondo tre vigle laboris (propaganda semajno, prelegoj pri kaj en Esperanto, oftaj klubvesperoj, 10 kursoj, pli ol 200 notaĵoj kaj artikoloj en Varsovia gazetaro, granda kresko de libroj en biblioteko, kontentiga kasstato, agado por Zamenhofa strato ktp.). Post la raporto de kontrolkomisiono kaj diskutado pri la laboroj oni esprimis fidon al la eksiĝinta estraro. Nova estraro: s-ro Isaj Dratwer, prezid.; s-ro mag. Aleksander Wundhajler, vicprez.; s-ro Mozesz Guterman, ĝen. sekretario; f-ino Dora Lindner, kasistino, s-ro Mozesz Mazur, bibliotekisto; s-roj Henryk Gielb kaj Grigorio Juchnowiecki, sekciestroj. Anstataŭantoj: f-ino Mira Frajman (helpsekretariino), f-ino Regina Bialer kaj s-ro Adam Gutgisser. — Kontrolkomisiono: ges-roj inĝ. D. Nimowicz, A. Bajer kaj L. Stellman.

## Esperanto kaj Radio.

**Esperanto-Radio-Programo.**

La plenan programon vidu en n-ro 40. Ŝanĝiĝis jenaj dissendoj:

**Dimanĉo, 14. decembro.**

09.25—09.40 Hilversum, 298,8 m — N — Bv. kontroli kaj sendi informon, ĉu horo kaj ondlongo estas ĝustaj.

15.15—15.45 Breslau, 325 m — Gleiwitz, 259 m — vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.

**Lundo, 15. decembro.**

14.40—15.10 Warszawa, 1411,8 m — Zamenhof-festo. Vidu la artikolon pri tiu temo.

18.50—20.00 Odessa, 450 m — Vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.

20.30 Lille P. T. T. Nord, 265 m — Vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.

21.30—22.30 Moskva, 1304 m — VCSPS: N.

23.15 Alger, 364,5 m — Vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.

**Mardo, 16. decembro.**

18.45—19.05 Nürnberg, 239 m — München, 533 m — Vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.

19.30—20.00 Moskva, 1481 m — Vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.

20.30—22.30 Radioelektra Mars Praha, 58 m — N pri IRA en Esp.

22.00—22.10 Le Havre tra Fecamp, 229,2 m — H. Dubuisson: Esp.-kurso ĉiun duan mardon.

**Merkredo, 17. decembro.**

18.35—19.00 Mühlacker, 360 m — Frankfurt, 389,6 m — Freiburg, Kassel — D-ro Vogt: El „Originala Verkaro".

**Ĵaŭdo, 18. decembro.**

19.40—20.00 Odessa, 450 m — Esp.-kurso.

21.30—23.00 Bruxelles, 508,5 m — Program-anoncado en Esp.

*21.40—22.00 Kaunas (Kowno), 1935 m — J. Kutra: Ĉi jarojn finante. (? — Red.)

**Vendredo, 19. decembro.**

20.00—20.40 Minsk, 700 m — D. Snejko: Blankrusaj verkistoj helpas plenumi 5-jaran planon.

20.00—22.00 Ljubljana (Laibach), 575,8 m — Program-anoncado en Esp.

20.30—22.30 Radioelektra Mars Praha, 58 m — N pri IRA en Esp.

**Sabato, 20. decembro.**

17.30—17.40 Breslau, 325 m — Gleiwitz, 259 m — M. Polier: Kion oni priparolos en Breslau.

(Daŭrigo sur paĝo 4!)



**Bonveno al s-ro J. R. Scherer sur la kajo de Jokohamo. S-ro J. Hirasaŭa de Japana Esperanto-Instituto premas al li la manon.**

(Novan leteron de s-ro Scherer „Inter Honolulu kaj Japanujo" vidu sur paĝo 6—7!)



**Marconi — prezidanto de la Akademio de Italujo.**
Markizo Marconi (dekstre starante), la granda itala elektro-fizikisto kaj inventisto, dum lia unua parolado kiel novelektita prezidanto de la Akademio de Italujo en la Palaco Farnesina en Romo. (Sidante ĉefministro Mussolini.)

# Tra la mondo.

— Sekve de la skandalo pro la bankisto Oustric la franca kabineto Tardieu devis demisii. La ŝtatprezidanto Doumergue komisiis la formadon de nova kabineto al Barthou kaj poste, ĉar tiu ne sukcesis, al Laval.

— En Germanujo multloke okazis politikaj tumultoj, precipe kvereloj inter nacisocialistoj (Hitleranoj) kaj komunistoj. En Hamburg komunistoj dum tumulto mortigis policanon, en Leipzig la polico mortpafis du tumultantojn, en Dresden, Hagen, Köln, Bonn, Dortmund kaj aliloke okazis atencoj, parte kun mortrezulto. En Breslau la polico surprizis kaj arestis tutan armitan trupon.

— La Supera Tribunalo de la Sovet-Unio kondamnis en la Ramzin-proceso kvin akuzitojn je morto, inter ili Prof. Ramzin; tri aliaj akuzitoj estis kondamnataj je dekjara mallibereco. La defendantoj transdonis al la prezidanto de la Ekzekutiva Komitato, Kalinin, proponon por indulgo de la mortkondamnitoj, kiuj estis indulgataj je dekjara malliberec0.

— Laŭ propono de la aŭstralia registaro, la brita reĝo nomis la 75-jaran s-ron Isaac Isaacs ĝeneral-guberniestro de Aŭstralio. Isaacs naskiĝis en Melbourne. Tio estas la unua fojo, ke la guberniestro de brita dominio estas indiĝeno.

— Venena nebulo postulis en la valo de la rivero Meuse (Maas) en Belgujo la morton de pli ol 80 personoj. Precipe suferis la urbeto Engis. La kaŭzo de la stranga fenomeno ankoraŭ ne estas klarigita. Oni supozas ke estas industriaj gasoj, kiuj miksiĝis kun la nebulo.

— La itala vaporŝipo Artiglio, kiu estis eksplodigonta la vrakon de la municia ŝipo Florence, eksplodis mem kun tiu. 14 ŝipanoj pereis, sep estis grave vundataj.

— En la brazila fervoja stacio Novo du Cunha (ŝtato Minas Geraes) eksplodis vagono kun dinamito. 36 homoj estis mortigataj.

— La donacoj por la viktimoj de la akcidentego de Alsdorf (Germanujo) rezultigis ĝis nun sumon de pli ol 860 000 gmk. (En tiu sumo troviĝas ankaŭ grandanima donaco de britaj esperantistoj, pri kio Heroldo jam raportis.)

— Laŭ la lasta popoldenombrado, Danujo havas 3 642 000 loĝantojn; ĝia ĉefurbo, København, havas 771 663 loĝantojn.

# Renkonte al la suno.

## Vojaĝo al la antipodoj (Novzelando).

**Speciala raporto por Heroldo de Jozefo Major.**

3. Nov. 1930.

**Mediteraneo.**

Sonoriliego de ferdeko eksonas. Homoj kuras al savboatoj, ekipitaj per savzonoj. Tondra bruo de eksplodo. La helicoj ekhaltas, la ŝipo haltas farante duoncirklon sur la akvo. Navigistoj kuras tenante longan tubon. Akvo ŝprucas alten. Oni portas malsanulon el hospitalo kaj metas la portilon en savboaton. Kapitano inspektas ĉiun boaton: ĉu estas sufiĉe da dolĉa akvo kaj biskvitoj en ili, ĉu la torĉoj funkcias kaj la signalraketoj enestas. Funebre sonas la komandvortoj, kaj la boatoj malsupreniras ĉe grincado de pulioj.

Kelkaj virinoj kaj infanoj ekploras.



**La industria proceso en Moskvo,**
kiu estas farita grandstile kontraŭ pluraj sciencistoj kaj inĝenieroj pro konspiro kontraŭ Sovet-Ruslando: la ĉefakuzito Prof. Ramzin (antaŭe) kaj la kunakuzito Oĉkin, gardataj de ruĝarmeano.

Ĉu estas la antaŭanoncita ekzerco aŭ ĉu ni vere puŝiĝis kontraŭ roko kaj estas fajro en la keloj? Oni ja fermis ĉiujn dividvandojn malsupre. Ŝipfajfilego eksonas dufoje. Oni respiras pli libere: la alarmo finiĝis. Oni eĉ bone ridas vidante la ŝajnajn malsanulojn vigle forsalti de la portiloj . . .

Ĉu morgaŭ ni ripetos tiun ĉi teatraĵon, serioze? Sur maro oni neniam scias . . .

4. Nov. 1930.

Jam ni estas surmare de dek tagoj kaj faris pli longan vojaĝon ol de Ameriko Eŭropon. Ĉiu pasaĝero prenis la rolon, kiun li aŭ ŝi ludos dum la longa vojaĝo. Nur malmultaj konatiĝoj aldoniĝos al la jam faritaj.

Inter multaj aŭstralianoj kaj novzelandanoj troviĝas angloj kaj kelkaj, tre malmultaj alilandanoj. La ŝipo portas entute 2000 personojn. Grupo da finnoj elmigras al Novzelando kaj alia grupo da italoj al Aŭstralio. Germana familio kun ses infanoj veturas ankaŭ al Aŭstralazio. Ili deklaras, ke malgraŭ fortega laborado ili ne povas vivi en Germanujo kaj intencas kulturi fruktojn en la Sudo.

Bedaŭrinde lingvaj malfacilaĵoj malhelpas la interamikiĝon surŝipe. La angla lingvo regas suverene en la brita imperio, sed tamen, milionoj en Hindujo tute ne konas ĝin. La mono estas ja nomata „pundo" en Aŭstralio kaj Novzelando, sed ĉie estas lokaj banknotoj kaj oni havas zorgojn pri ŝanĝo, same kiel ĉe ni, en Eŭropo. La unueco de la Brita Imperio ankaŭ ne estas do perfekta. Kaj mi eĉ ne parolis pri tio, ke la ŝipa butiko pliaItigos la prezojn je 100%, tuj kiam ni venos al la aŭstraliaj akvoj — pro protektaj doganpagoj!

Vespere ni dancas, ĉeestas kino-prezentadon aŭ fiore kantas. La muzikemaj italoj ne komprenas la vortojn, sed diras „lalala".

**Port-Said.**

5. Nov. 1930.

Frumatene mi estas sur la supra ponto. Fine ni havas ĉe la horizonto la urbon Port-Said. La granda pordego de l' Oriento malfermiĝos antaŭ ni. Jam antaŭ la albordiĝo frapas nin io eksterordinara: ĉirkaŭ ni naĝas aro da bluekoloraj fiŝoj, kvazaŭ globoj el Pariza apoteka fenestro! Meze de afrikaj velboatoj kaj luksaj motorŝipetoj ni enveturas la havenon kaj pasas laŭ la ĉefa kajo. Tie staras sur piedestalo bone meritita la statuo de la franca inĝeniero Lesseps, konstruinto de la Suez-Kanalo. Baterioj protektas la eniron de tiu ĉi ĉefarterio de la mondtrafiko.

Subite kaptas min malagrabla sento. Mi estas ŝokata je la vido de la mizeraj, nigraj diabloj, kiuj freneze kuregante, kriegante, per ĉifonoj vestite, bestece ŝarĝas karbon sur ŝipon. Ĉu do la fieraj vaporŝipoj de la blankaj homoj moviĝas per la ŝvito de tiaj homaĉoj? Mizere! Aliaj negridoj ŝpruce naĝas en akvo ĉirkaŭ ni. Iu okaze ĵetas moneron, kaj tiam aro da ili batalas subakve por ĝia konkero. Ni ekankras apud la oleomagazenoj de „Vacuum Oil" kaj „Shell" kaj la cent fadenoj de la orienta komerco kaptas nin, kiel polipo. El cent boatoj flugas ŝnuroj, sur ili glitas la vitaminenhavaj fruktoj tiom necesaj surmare kaj — por la sinjorinoj — belkoloraj sed malbelkvalitaj silkaj ŝaloj. Ĉiuj makleristoj samtempe kriaĉas en fuŝangla dialekto.

Dank' al zorgo de „Cook's" vaporŝipetoj nin alterigas meze de la ĉefa kajo. Ni eniras la ĉefstraton de Port-Said, kiu ja svarmas je impertinentaj vendistoj kaj agentoj, same kiel je butikoj kaj kafejoj. Ni trinkas turkan kafon sur teraso kaj heroe rezistas sieĝon de cigaredvendistoj, ŝupurigistoj (por unu cigaredo!) kaj eĉ de „akrobatoj". Fine ni estas fakte devigataj aĉeti skatolon de mistera enhavo, je duobla prezo . . .

Ni daŭrigas nian migradon, aventure, sen gvidisto. Mi haltas entuziasme antaŭ bela verda stelo kaj subskribo de la Esperanta Grupo. Ĉar estas mateno, neniu ĉeestas, kaj mi postlasas salutkarton kun la nomo de Heroldo! Mia Esperantismo vekiĝas kaj mi decidas, ke en Colombo mi vizitos la esperantistojn. Estos ja necese, ĉar la kono de la angla lingvo ne ĉiam helpas. Ekzemple en Port-Said la policanoj tute ne komprenas angle kaj eĉ la publiko ofte pli bone konas france aŭ eĉ germane.

Ni kuraĝe eniras la indiĝenan kvartalon — malgraŭ ĉiuj prudentaj konsiloj de niaj anglaj amikoj.

Ni ja estas pli sekuraj tie ĉi ol en la porturista parto de la urbo. Tamen, terura malbonodoro kaj vido de homa degradiĝo malgajigas nin. Post sukcesa negocado de tri dekduoj da belaj oranĝoj por nur 1 ŝilingo, ni reiras nian ŝipon.

**Suez-Kanalo. Ruĝa Maro.**

La temperaturo tie ĉi estas tia, kia ĝi estis ĉe ni — en Mezeŭropo — en julio. Surŝipe la kelneroj vestas sin per blankaj jakoj, la oficiroj per tutblankaj tolvestoj. Savboatoj estas kovrataj kontraŭ la suno, ferdekoj ricevas tegmentojn, oni instalas ventolilojn ĉie. Ŝajnas, ke morgaŭ varmiĝos serioze.

Ni eĉ ne rimarkis la fakton ke ni trankvile naĝas sur la kanalo, inter du sekaj bordoj. Vesperiĝas. La suno, giganta disko, malsupreniras rapidege, dum ĉ. unu minuto kaj alifIanke suprenvenas same granda plenluno. Je egalaj distancoj naĝas grandaj ŝipoj, forte lumigitaj. Kelkaj ŝarkoj montriĝas en la malpura akvo de la kanalo. Fine la vojo larĝiĝas kaj ni alvenas al la unua lago. Tie okazas rapida pilotŝanĝo kaj ni vojaĝas dumnokte tra la dua lago. Matene ni estas en la golfo de Suez kaj vespere sur la Ruĝa Maro. Kelkaj flugantaj fiŝoj falas sur nian ferdekon kaj gajigas la infanojn surŝipe. Oni sentas sin kvazaŭ en varmega bano. Ni dormos hodiaŭ sur ferdeko!



**Universitaton en formato de nubskrapulo**
konstruas la usona urbo Pitsburgo. La konstruaĵo havos 40 etaĝojn kaj estos alta 165 metrojn.

**Araba Maro.**

11. Nov. 1930.

Fine ni forlasis la markolon de Sokotra kaj naĝas sur la Araba Maro, kies akvo banas la bordojn de Arabio kaj de Hindujo. Kvankam ni konstante proksimiĝas al la ekvatoro, la varmego ne estas tiom sentebla kiom sur la Ruĝa Maro, ĉar ni havas agrablan blovon kiu freŝigas nin.

Hodiaŭ okazas la festo de la angla armistico. Sur la supra ponto staras ĉiuj maristoj blue vestitaj, ĉiuj kelneroj blanke vestitaj, ĉiuj kuiristoj, servistoj, hejtistoj, maŝinistoj kaj la stabo kun la kapitano, entute 450 personoj. Sube staras la gevojaĝantoj de la 1-a klaso kaj ankoraŭ pli malalte tiuj de la 3-a klaso. Meze leviĝas altaro, kie anglikana pastro oficas. Oni sonigas sonorilon, pafas per kanono, kantas himnojn. Ĉiu portas ruĝan floron, kies prezo estas uzata por bonfaraj celoj. Poste la ŝipo reprenas sian vojon kaj la ŝipanoj sian okupojn. Kiom da ili konsciis, ke ĉiuj aferoj kaj memoroj pri la lasta milito estas vanaj, se ĉiu el ni ne fariĝas aktiva apostolo de la paco?

Dume ni proksimiĝas al Colombo, la mistera ĉefurbo de Cejlono . . . Pri ĝia beleco mi revas ĉiutage. Dum stelluma nokto ni observas la stelojn; melankolie ni konstatas la iom-post-ioman malaperon de la konataj konstelacioj de la norda hemisfero kaj ni koro tremas pro ĝojo je la ekvido de la majesta Suda Kruco!

(Daŭrigota.)



**Grekujo malpliigas sian militŝiparon.**

Por plenumi la kontrakton de Angoro estas ordonita la eksservigo de la grekaj linioŝipoj „Kilkis" kaj „Lemnos" — ambaŭ konstruitaj laŭ la supre montrita bildo. La ŝipoj devenas el Ameriko (tial la kradomastoj tipaj por usonaj militŝipoj). Grekujo akiris ilin en 1914.

# Mondvojaĝo por Esperanto

## organizita de ICK de la Esperanto-Movado, Ĝenevo.

### Inter Honolulu kaj Japanujo.

**De Joseph R. Scherer, speciala delegito de ICK.**

Sur fervojo en Japanujo (apud Tokio), la 4-an de oktobro 1930.

Neforgesebla estas la bela ĝuo travivita en Honolulu. Fakte tiel ĝojoriĉa kaj interesa estis tiu vizito, ke mi skribis artikolojn dum la tutaj vendredo kaj sabato. Dum la rivelado de 100 belegaj negativoj mi ree travivis mian mallongan restadon en la „Paradizo de la Pacifiko". Vespere mi estis tro laca por danci sur la ferdeko.

Do la fino de la unua semajno alvenis tre rapide. Estis dimanĉo, kiam mi ree trovis tempon por babili. Inter la pasaĝeroj estas multaj interesaj personoj. Mi tamen povas skribi nur pri malmultaj, speciale interesaj.

Jen mia kajuto-kunulo! Li estas rentulo, 60-jara. Ĉiam en bona sano kiel mi, feliĉe. Li diris ke li estas ĵurnalisto, sed ĝis nun li nenion skribis. Dum sia tuta vivo li vivadis en Nebraska (Usono). Li estas tiel kutiminta dormi ĝis la 7-a horo matene, ke li nun post 60 jaroj ne povas tion ŝanĝi. Kiam li alvenis en Kalifornio, li vekiĝis obstine je la 5-a horo, kio estas la 7-a en Nebraska. Sur la ŝipo la horloĝo estas malfruigata 30 minutojn ĉiunokte. Je la kvara tago, li vekiĝis je la 3-a matene kaj komencis legi libron, ĉar dormi ne plu estis eble. Estas jam la 7-a horo matene en lia kara hejmŝtato. Kompreneble li devas enlitiĝi pli frue ĉiuvespere. Malfeliĉa kuriozulo. Kiam li alvenos en Hindujo, li devos dormi dum la tago kaj maldormi dum la nokto, ĉar lia patriota sento postulas ke li vivu laŭ la horloĝo de sia hejmo.

Frumatene ĉe la sunsupreniro, tuj post la hidraŭlika purigado de la ferdekoj juna ĉina edzo marŝadas tien kaj reen. Je la unua mateno mi alparolis lin japane; sed li ridetis kaj klarigis angle ke li estas ĉino. Do komuna ridego. Feliĉa mi estis, kiam li diris ke neniu povas kun certeco diferencigi ĉinojn kaj japanojn. Blankuloj ofte kredas esti sufiĉe saĝaj por tio, sed nek japanoj nek ĉinoj certe scias.

Li estas junulo, 30-jara. Post kelkjara laborado kiel fakestro ĉe Manĉuria fervojo liaj estroj estis sendintaj lin al Usono por lerni amerikajn metodojn. Nun li returnvojaĝas kun ĉina edzino naskita en New York kaj du ĉarmaj infanetoj. Liaj okuloj estas preskaŭ ĉiam fermitaj ĝis fadena linio. La okuloj de la edzino estas preskaŭ eŭropaj, kvankam nigregaj kiel ŝiaj glataj haroj. Ambaŭ estas plej ĝentilaj gesinjoroj. Ĉiuj pasaĝeroj ŝatas ludi kun la inteligentaj infanoj. Se nur ĉiu superregema blankulo povus renkonti tiajn flavulojn! Kiom rapide li ekhontus pro sia stulta ideo de supera intelekto.

Aristokrate aspektanta grizharulo konfesis, ke li estas ruso. Sed pli multe ne povis eltrovi. Je la tria tago ĉe la tablo mi subite demandis lin: „Ĉu vi estis kolonelo aŭ generalo de la Carista armeo?" Videble flatita, li ridetis kaj jen la glacio estis rompita. Li ne diris sian profesion, sed al neniu gravas, ĉar li iom post iom fariĝis tre agrabla kunulo ĉe ludo, sporto kaj danco.

Germana juĝisto. Terure malhelpa. Li daŭras priparoli kaj klarigi malgravajojn, dek minutojn post kiam ĉiu jam detale komprenis la aferon. Afabla sinjoro, sed en Germanujo ĉio estas malsama. Li plene fidas ke la angla lingvo estas kaj estos universala, kvankam li apenaŭ parolas ĝin. Li studis dum tri jaroj, sed tamen mi, esperantisto, devas mendi por li la manĝaĵojn en japana lingvo, ĉar la ŝipservistoj ne pli bone ol li komprenas tiun universalan anglan lingvon. Kompreneble li pensas ke la servistoj estas stultaj, ĉar ili ne pli bone komprenas lin.

Jen japana instruistino, tre juna, perfekta dancistino. Ŝi studis gimnastikon en Usono dum tri jaroj. Nun ŝi revenas al Tokio por instrui en virina liceo. Plej ĉarma fraŭlineto, eĉ en eŭropaj vestaĵoj. Ekstreme afabla, ĝentila, gajeta, ludema; ĉiam preta respondi demandojn, instrui japanajn vortojn. La samon mi povas diri pri ĉiuj japanaj pasaĝeroj.

Jen usona fraŭlino, vojaĝanta al Ĉinujo, kiel misiistino. Ŝi ne dancas sed estas tamen tre ŝatata de ĉiuj kunvojaĝantoj. Ni ĉiutage komparas niajn novajn vortojn. „Blindulo gvidas blindulon!" interrompis la japana instruistino. Tuj ŝi estis elektita n i a instruistino.

Post la triahora teo de la dimanĉo mi observis, kiel rapidege la japanaj hieroglifoj povas esti skribataj. Almenaŭ tiel rapide kiel la latina skribo. Kiam mi esprimis mian miron, ŝi ekbabilis. Kiel sekretariino de la Y. W. C. A. en Tokio ŝi jus finis rondvojaĝon de Japanujo al Aŭstralio, Sudmaraj Insuloj, Honolulu kaj Japanujo. Ŝi skribis dum la plej granda parto de la tago. Malgranda virino, tre june aspektanta, sed ĉe la konversacio montriĝis, ke ŝi estas 30-jara, bone edukita kaj parolas la anglan lingvon bonege. Sed ŝi konfesis, ke eĉ en la anglaj institucioj kiel Y. M. C. A. kaj Y. W. C. A. nur malmultaj balbutetas la anglan lingvon, kaj en la cetera Tokio eble malpli da homoj scipovas paroli la anglan lingvon iomete korekte ol ekzistas tie esperantistoj.

Sur la ŝipo mi renkontis en la 3-a klaso knabinon japanan, kiu finis la universitatajn studojn en Honolulu. Ŝi nun vizitos sian fratinon, kiu edziniĝis kun japano kaj per tio perdis sian usonan civitanecon, kaj ne povas reveni pordaŭre al la Havajaj Insuloj. Nun la patrino timas ke la dua filino ankaŭ trovos edzon en Japanujo, dum ŝia mallonga vizito. Ŝi konfirmis la informon ke ĉiuj japanoj naskitaj en la „Pacifika Paradizo" estas sinceraj usonanoj.

Post la dimanĉo tuj sekvis la mardo. La 29-an de septembro (lundon) mi neniam travivis. Vojaĝante okcidenten, la suno supreniras pli malfrue ĉiumatene. Se la horloĝo ne estas ŝanĝata (malfruigata) ĉiunokte, la sama fenomeno okazus al la tuta ŝipo, kiel al tiu ĵurnalisto el Nebraska. Vojaĝante orienten, la tagoj estas nur 23½ horojn longaj, sed niaj estis 24½ horojn longaj. Tio ripetiĝus je ĉiu vojaĝotago sur la oceano. Sed la kalendaro ne povas esti trompata. Se unu tago ne estus ellasita ie sur la vojaĝo, la vojaĝanto je sia reveno en la hejmurbo estus unu tagon malantaŭ la kalendaro. Ĉar la 180° en la mezo de la Pacifika Oceano havas la plej malmultan trafikon, oni elektis tiun linion por datŝanĝo. Do Japanujo estas f a k t e , ne nur laŭdire, la „Lando de la leviĝanta Suno", ĉar tie la tago komenciĝas, naŭ horojn pli frue ol en Eŭropo. La sama tago finiĝas en Kalifornio, naŭ horojn post Eŭropo. Kalifornio estas ofte nomata la „Sunsubira Lando".

La veturado trans la grado 180 estis festata per brulado de art-fajraĵoj, kun la ĉeesto de ĉiuj pasaĝeroj. Samtempe multaj konkuraj ludoj okazis. Belaj prezoj estis disdonataj. Internacia kostumbalo, sed bedaŭrinde sen Esper-



**Ŝipo kiu ne povas droni.**

Post okjaraj eksperimentoj muntisto Felder el Düren (Rejnlando) sukcesis fabriki substancon, kiu havas speciale grandan suprenforton. Fera ŝipmodelo, 90 centimetrojn longa, kiu havas tiun substancon je sia fundo, ne subakviĝas malgraŭ ŝarĝo de 25 kilogramoj kaj traboritaj vandoj. Eĉ tiam, kiam ĝi estas perforte subakvigita, do normale devus submergiĝi, ĝi tamen reelakviĝas rapide, ĉe kio la enhavata akvo forfluas tra la flankaj truoj.

# En urbodoma malliberejo.

4) (El pollingva libro: »Impresoj el malliberejo«.)

De *Leo Belmont.* Tradukis *Anna Weinstein.*

*Policisto — geniulo kaj blindulo.*

Foje mi observis Zigmunt'on, kiam li donis al pliaĝa malliberulo parton de ricevitaj sukeraĵoj.

„Ha! bonege vi faras, karulo, pensante pri via zorganto."

„Ne, sinjoro, vi eraras; ĝuste li prizorgas min," respondis la malliberulo, levante la okulojn, kovritajn de ia blanka nubo.

„Li estas via prizorganto?" mi demandis.

„Jes, sinjoro, ĉar mi estas preskaŭ blinda; mi nur malmulte vidas."

„Vi estas blinda kaj, je diablo, kiamaniere vi venis ĉi tien?"

„Estis en strato ia premo; io okazis, mi ne scias kio; mi enpaŝis en la aron; homoj kriis; poste ili diskuris; mi ne sciis, kien kuri — policisto arestis min!"

„Ĉu vi ne povis diri, ke vi estas blindulo?"

„Mi diris; »Ĉu vi ne vidas, ke mi estas blindulo?« Li ekfrapis min en la nukon kaj diris: »Silentu, nun estas milita tempo, ne estas blindulo,« kaj li kondukis min en la arestejon."

Ia subita heleco lumigis min pro tiuj ĉi vortoj. En mallongaj vortoj li simbole prezentis la tutan saĝecon de milita epoko! Vere, tiu policisto estis geniulo!

Milita stato! Do, ne estas blinduloj!

*Danĝera politika krimulo.*

„Mi montros al vi frenezulon," diris al mi iu kamarado el ĉelo n-ro 16. Ni rapide trapaŝis ŝtuparon, por ke nin ne atingu ondo de malpura akvo — ĝin kaŭzis malliberulo, lavinta plankon. Putro-odora malsekeco plenigis la aeron, sed mi ĝoje akceptis tiun revolucion, ĉar mi sciis, ke la koridoro poste havos pli agrablan aspekton, kiam oni forprenos de ĝi cigared-restaĵojn, ovoŝelojn, forĵetitajn manĝ-restaĵojn, amason da malpuraĵoj, putrantaj en anguloj kaj venenantaj la aeron.

Mia kamarado postiranta min informadis: „Li estas studento, naturisto, li apartenis al la fama afero de 67. li freneziĝis dum juĝa esplorado. Jam de du jaroj li estas transportata de unu malliberejo en alian — li tute forgesis, pro kio li estis juĝita. Nuntempe li parolas nur pri sia misio."

„Pri kiu misio?" mi demandis.

„Vi baldaŭ ekaŭdos; li estas vera »Kristo« savonta la homaron de la mondfino."

Ni eniris la grandegan ĉelon n-ro 11, kie estis homoj kun laboristaj fizionomioj. Ili estis envere laboristoj, arestitaj antaŭ la 1-a de majo, kiel suspektitaj, ke ili pasigos tiun tagon senlabore. Ili efektive pasigis tiun tagon senlabore en la urbodomo kaj mallaboros ankoraŭ tri semajnojn. Ili ne estos punataj — oni ellasos ilin, unuope, alterne, liberon. Sur spaco de 14 paŝoj laŭlonge kaj 7 laŭlarĝe oni igis premiĝi ĉirkaŭ sepdek homojn. En angulo ni trovis la frenezulon; li kapbalancis pie. La ĉirkaŭantoj duone amuziĝis, duone interesiĝis pri lia persono. Li diras, ke la kapo kreskas; pro tio li frapas ĝin kontraŭ la muro, — oni devas teni lin. Dececo devigas estimi la viziojn de frenezulo.

Mi prezentis al la profeto profundan respekton per kapkliniĝo, — li rekompencis min per konfido.

Li parolis multe da diversaĵoj. sed plej grava misio estis savi la mondon, kion Kristo ne sukcesis fari. Li nur ne scias, kial oni malliberigis lin.

„Mi ne donos koruptmonon," li flustris. Ĝenerale li estis jam en stadio de malheleco de l' inteligento.

Sekvintan tagon li venis al ĉelo n-ro 16. Ŝajne li venis por reviziti min, li estis tute blanke vestita, per litotuko kaj mantuko.

Mi diris al li, ke li aspektas kiel sanktulo.

„Mi ĉiam aspektas kiel sanktulo, kiel io pli supera." El lia pala, nobla vizaĝo rigardis fiere revemaj okuloj. Li rifuzis proponitan cigaredon — li ilin mem faradas. Li estis suspektema; li memoris, kiel brulvundis lin cigaredoj en hospitalo de Modlina fortikaĵo. Amindaj (?!) kamaradoj amuziĝis tiamaniere ke ili donis al li cigaredojn sulfurplenajn — ili elskrapis el alumetoj la sulfuron.

En la sama tago, kiam li venis viziti min, vespere li kuŝiĝis sur sojlo de ĉelo kaj komencis aventuriĝi . . . la sekvintan tagon oni forveturigis lin en la hospitalon de Modlina fortikaĵo.

Kiom da jaroj oni juĝos lin kiel simulanton? Jam nun ŝajnas al li, ke li estas en malliberejo kvardek jarojn.

anto. Kiom mi ĝojas jam hodiaŭ partopreni ĉe la kostumbalo en Krakovo!!

Vendredo de la dua semajno jam venis tro rapide. La pesilo montras, ke mi plipeziĝis je kvin kg. Mi tion bezonis post la multaj labornoktoj en Los Angeles. Aliaj pasaĝeroj perdis la saman kvanton, ĉar ili ne kuraĝis manĝi pro timo fariĝi marmalsana. Tiam ili tamen fariĝis malsanaj. Vespere mi pakis kaj pakadis. Estas terure ke mi devas kunporti tri grandajn kaj tri malgrandajn mankofrojn. Se mi estus privata samideano, unu mezgranda kofro sufiĉus. Sed estante oficiala esperantisto mi devas havi frakon, filmojn, projekciaparaton, librojn, vortarojn.

Joseph R. Scherer.

NB. La alveno en Jokohama estis tre interesa. Dudeko da samideanoj bonvenigis min ĉe la ŝipo. Kvin jurnalistoj intervjuis min, tri gazetoj sendis siajn fotografistojn. Vespere ĉiuj gazetoj raportis. Grandskalaj aranĝoj de la japanaj samideanoj. J. Ŝ.



**La plej nova stel-observejo en Svedujo,**
kiu estas konstruata en Saltsjöbaden — la belega ekskursloko de Stokholmo — kaj baldaŭ estos tutpreta.

# Tiel rapide ni kreskas!

**Ĉiaspecaj strangaĵoj pri la homa korpevoluo.**

Infano ĉe la naskiĝo estas proksimume 50 centimetrojn longa kaj kreskas dum la unua vivjaro 20 centimetrojn. Se la suĉinfano daŭrigus la kreskadon en tiu mezuro ĝis la 70-a jaro, ĝi fariĝus giganto 14 metrojn alta. Sed reale la rapideco de l' kreskado ege malpliiĝas post la unua jaro. Inter la aĝo de unu kaj du jaroj la infano kreskas ankoraŭ nur ĉ. naŭ centimetrojn, dum la tria jaro nur ses centimetrojn. De tiam la meznombra plilongiĝo estas nur 3½ centimetroj, laŭ la kalkuloj de angla antropologo.

Junulo ĝenerale atingas sian plenan longon ne antaŭ la 25-a jaro, sed en la lastaj kvin jaroj li kreskas nur tre malrapide, meznombre duonan centimetron pojare. Knaboj kaj knabinoj diferencas rilate la tempon de kreskado. Se oni ne konsideras la unuajn jarojn, la kreskado de la knaboj estas plej forta inter la 16-a kaj 17-a jaroj. Dum tiu tempo ili akiras plejmulte da pezo. Ĉe la knabinoj tiu kulmina punkto estas ĉe la 14-a jaro. Knabinoj atingas sian plenan longon jam en la 16-a jaro, kaj sian plenan pezon ĉirkaŭ la 20-a.

Knaboj estas pli fortaj ol knabinoj de la naskiĝo ĝis la dua jaro; poste la knabinoj superas ilin ĝis la 17-a jaro; de tiam denove la proporcio estas inversa.

La diversaj partoj de l' korpo kreskas laŭ diversa rapideco. La gamboj, post la tria jaro, akiris duoblan longon, post la 12-a jaro trioblan. Kiam la homo ĉesas kreski, ili estas kvinoble tiel longaj kiel ĉe la naskiĝo.

La haro kreskas ĉiutage 0,04 centimetron, sed ĝia vivdaŭro estas maksimume ses jaroj. Fingroungoj novkreskas en kvar monatoj.

# Norrland.

Norrland (Nordlando) estas la nomo de la tuta sveda landparto kuŝanta norde de la rivero Dalälven. Tiu provinco estas unuavice la regno de la mejlovastaj arbaroj, ŝaŭmaj riveroj kaj torentoj.

Ju pli proksime oni venas al nordo, des pli alte kuŝas la provinco kaj en la plej norda Laponlando estas pure altmontara naturo.

La nordlandaj partoj, kiuj pleje interesas la turistojn, estas Jemtlando kaj la plej supra parto de Laponlando.

Jemtlando estas montara provinco atinganta tre grandan altecon ĉe la limo al Norvegujo. La nedireble bela naturo kaj la klara, bonfara monta aero ĉiujare allogas grandan aron da turistoj al la jemtlandaj altmontoj, kiuj donas eblon al jen pli longa, jen malpli longdaŭra ekskurso.



**Pejzaĝo de la belega Norgingrå**
norde de Härnösand en Angermanland, Svedujo.

Sed ne nur dum la somero estas Jemtlando la celo de malgrandaj turistvojaĝoj. Dum la vintro la skiisto havas idealan terenon por sia sporto.

En Are, kiu pitoreske kuŝas ĉe la piedoj de la 1400 m alta Areskutan, estas vigla vivo tiel somere, kiel vintre. Tie oni aranĝas grandstilajn vetkuradojn en ĉiuspecaj vintraj sportoj, ĉiujare dum februaro aŭ marto.

Alia tre vizitata turistloko estas Storlien kuŝanta ĉe la norvega limo, de kie fervojo kondukas al urbo Trondhejm (Nidaros) en Norvegujo.

Du noktoj kaj unu tago en la vagonaro translokigas la vojaĝanton de la ĉefurbo Stokholmo al la dezertoj de Laponlando. La vojo iras tra senlimaj arbaroj jen tie jen tie tratranĉitaj de rivero, kiu portas aron da ĉarpentaĵoj el la preskaŭ ne alireblaj arbaroj al la multnombraj segejoj ĉe la bordo. Ju pli longe oni iras norden, des pli dezerta estas la provinco. La arbaroj malgrandiĝas je malaltkreskaj betularbaretoj, kaj brunaj, dezertaj montostepoj kaj marĉoj etendas sin tie, kie preskaŭ neniu vivsigno aŭ konstruaĵo estas videbla.

Ĉe Boden, la plej grava fortikaĵo de Svedlando, oni alvenas al la plej norda fervojo de la mondo. Oni ĵus pretigis la elektrigon de la tuta vojo inter la urbo Luleå ĉe Östersjön kaj la eta havenurbo Norvik en Norvegujo. Post duhora vojaĝo de Boden oni transpasas la polusan cirklon, la limon de „la lando de l' noktmeza suno".

Noktomeza suno! Ho, kia allogo estas en tiuj vortoj! Kiu ne vidis tiun brilsunon transformanta la nokton je tago, malfacile povas imagi ĝin. Kutime oni kredas, ke tio daŭras nur kelkajn tagojn dum somermezo, kiam oni povas ĝui la grandiozan spektaklon, sed ne estas tiel. La longaj, helaj noktoj daŭras dum monatoj, kaj se la montoj ne barus la vidon, oni povus noktomeze vidi la sunon super la horizonto ĝis la fino de monato julio.

En Laponlando estas la plej bona teritorio montara kun la plej altaj montpintoj kaj montegoj de la lando kaj kun la plej grandaj, ŝaŭmaj akvofaloj de Svedlando. Tiu altmontaro estas la paradizo de la turistoj. Estas neforgesebla travivaĵo la restado en tiuj lokoj, kie la neĝkovritaj montopintoj brilas sangoruĝe en la sunradioj kaj respeguliĝas en bluetaj lagetoj, kies ŝaŭmtorentoj falegas laŭ la krutaj montmuroj. Tie estas ankaŭ la lando, kie la montoj estas plenaj de fero, oni devas nur streĉi la manon kaj preni ĝin. Parton post parto oni forrompas ĝin de la monto. Oni ne bezonas minejojn. Tie estas la lando de la laponoj, kiuj ankoraŭ vivas en siaj tendoj, malaltkreskuloj kun lula irado kaj pentrinda kostumo, pli kaj pli premitaj de la civilizado . . .

Lizzie Anderson.




**Bildo el Järfsjö en Hälsingland**
(sveda landparto).

*Arkeo de kripluloj.*

Kelkfoje ŝajnas al mi, ke mi estas en hospitalo por kripluloj. Estas ĉi tie gefrenezuloj, unu blindulo, unu epilepsiulo — juna pentristo. Li venadas en nian ĉambron kaj petegas, ke oni skribu al li petskribon pri nur unufoja esplorado; li estas scivolega, pro kio oni arestis lin kaj pro kio oni forsendos lin nun Orenburgon. Sed kiomfoje ni komencas skribi por li peton, li subite ekfuriozas, havas ian nervan skuatakon, manoj kaj piedoj tremas en konvulsiaj movoj; tiaj atakoj daŭras kelkfoje unu horon. Ĉiutage okazas du da ili. Post tia atako li sidiĝas sur la plankon kaj kantas iajn senĝojajn kantojn . . .

Sed la urbodoma kuracisto ne vidis tiujn atakojn kaj atestis, ke tiu ĉi epilepsiulo povas iri en la etapon. Ba! li disbatos al si survoje la kapon je iu ŝtono . . .

Estas unu duonidioto, kiu havas pasion malkonstrui fornojn en ĉiu ĉelo, en kiu li troviĝas. Pro tio oni sidigis lin en malhelejon sen forno. La ĉelo estas tute malplena, nur iom da pajlo en angulo. Tia sistemo estas vere genia, ĉar la malliberulo, alvenante poste en helan ĉambron, ne plu detruos fornojn.

Estas unu surdmutulo, li murmuretas iom nekompreneble; li ofte venas al mi por pruntepreni librojn, kiujn li tre rapide finlegas.

Estas ankaŭ maljunulo ĝibohava kun enfalintaj okuloj. Oni rakontas, ke lia filo estis batalpartiano kaj forkuris eksterlanden — oni arestis la patron kaj forsendos lin al Narim, por ke li estonte ne plu naskigu batalpartianojn.

En la ŝtelista ĉelo loĝas 80-jara maljunulo. Dum oni ree irigis nin en la koridoro, mi demandis lin, pro kio li estas arestita.

„Mi vendadis gazetojn senpermese. Mi petis permeson; sed ĝi tiel longe ne alvenis. Da tiaj, kia mi, estas multe; policisto arestis min, aliaj malpli aĝaj forkuris . . . mi ne povis. Mi estas maljunulo, mi havas malfortajn piedojn, mi devas nutri malgrandan nepon. Mi estis soldato en la tempoj de caro Mikolajo . . . mi faris longdaŭran servadon . . . kaj nun, jen, kian salajron mi havas: en malliberejo — inter ŝtelistoj!"

*Malliberejo centro.*

La urbodomo estas kvazaŭ la centro de l' malliberejo mondo. Grandega nombro da arestitoj trairadas tie ĉi. Vespere aŭdiĝas voko: „Etapo alvenis."

Estas tie ĉi aroj da malliberuloj el Brzeska fortikaĵo aŭ el Modlina, el la citadelo aŭ el la deka pavilono, el Aleksiejeva fortikaĵo.

Iuj alvenis por juĝa esplorado, aliaj de tie iros Orenburgon, Astraĥanjon; estas ankaŭ tiaj, kiuj rajtas veturi eksterlanden. Okazas ankaŭ, ke liberigitoj (per dekreto de generalo-guberniestro) jam atendas tutajn semajnojn ie en fortikaĵo de Modlin, ĉar ili devas alveni kun etapo al la urbodomo, sed tie mankas loko.

Ili atendas, lernas esti paciencaj — virto de civitanoj longe estantaj en mallibero.

Jen kuras voko tra la koridoro: „Transporto al Brzeŝĉ!" „Al Orenburgo!"

Oni alvokas nomojn de tiuj mizeruloj, kiuj iros por daŭrigi siajn dornajn vojojn. En la ĉeloj fariĝas movado . . . el groŝoj de arestitoj oni komencas kolekti kotizojn por tiuj forirontaj etapen. Kelkaj vizitas la ĉelojn, ili montras siajn ĉifonaĵojn, ili almozpetas helpon ĉe malpli malfeliĉaj.

Iufoje malvarma frostotremo ekskuis min. Mi vidis mizerulojn irontajn al siberiaj frostoj en . . . . kalsonoj . . . Varsovio! nobla Varsovio! fiera pro via virteco, vi lasas tiujn ĉi krimulojn al ilia propra sorto! Nur kelkaj bonkoraj virinoj alportas por la mizeruloj iom da sukero, da teo kaj da vestaĵo . . .

*Gardistodevoj.*

Mi melankolie observis ioman verdaĵon, enrigardantan tra la kradoj de ĉelo n-ro 16, kien mi translokiĝis post forveturo de unu malliberulo. Kaj nove veninta loĝanto, al kiu ni preparis liton sur tablo, rakontis tre strangajn historiojn el sia vagado en malliberejoj. Jen unu el ili:

„Estis inter ni buĉisto," li rakontis, „malliberecon lacigis lin; li komencis simuli aŭ, eble, li efektive estis frenezulo. En citadelkoridoro li faris tian malsaĝan mienon en ĉeesto de oficiro, ke la oficiro ekfrapis lin forte en la vizaĝon. Li kaŝiĝis; poste li estis trankvila. Post kelkaj tagoj li ekfurioziĝis. Oni enŝlosis lin en aparta ĉelo. Li komencis elrompi la pordon. Oni barikadis ĝin per stango. Mi memoras, ke tiun tagon estis gardisto juna soldato, kiu parolis pri gardistodevoj. »Jen,« li klarigis, »gardisto devas stari, eĉ se fariĝus oni ne scias kio — eĉ se estus superakvego, eĉ se oni vidus akvon sub la piedoj. Gardisto devas stari, ĝis oni anstataŭos lin . . .«

(Daŭrigota.)

# La Libera Tribuno de l' Esperantistaro.

### Esperanto kaj komerco.

Ofte la samideanoj plendas, ke Esperanto ne estas sufiĉe uzata en komercaj rondoj. Oni faras proponojn, varbi la firmojn, meti sur la leterfoliojn la indikon, ke „oni korespondas en Esperanto".

Nia Unio okupiĝas ĉefe pri tiuj punktoj kaj klopodas enkonduki Esperanton per la praktikado. Sed . . . ho ve . . . kion ni spertas ĉiam denove?? La kulpo, ke Esperanto ne estas uzata, ne estas ĉe la firmoj, sed ĉe la samideanoj! Multfoje ni petis en nia ofertbulteno — nominte novajn varbitajn firmojn — ke oni petu la Esp.-prospekton, ke oni promesu subtenon al la firmoj. Nenio okazas. La firmo Elektrizitäts-Bau- und Handels-Gesellschaft Zwickau, kiu eldonis esperantlingvan prospekton pri sia elektra kafo-kuirilo „Epoka", ĝis nun eĉ ne unu demandon ricevis! Ĉu tio estas kuraĝiga? Gesamideanoj — korektu vian sintenon kaj postulu de la firmoj, nomitaj postsekve, la Esp.-prospektojn:

Elektrizitäts-Bau- und Handels-Gesellschaft, Zwickau, Saksujo;
Bombastuswerke, Freital bei Dresden (pri sanigaĵoj kaj kosmetiko);
A. H. A. Bergmann, Waldheim, Saksujo (pri dentsapo);
Kuswa, Radebeul, Saksujo (pri plektitaj tapiŝoj);
Thorraduran Werke, Hüls bei Krefeld (pri nutrosalo);
Chlorodont, Dresden (pri dentpasto).

Ĉiuj en Germanujo. — Dankon anticipe!

Komercista Esperanto-Unio, Dresden-Radebeul.

### Esperanto kaj komerco.

Antaŭ kelka tempo mi provis iom propagandi por Esperanto. Mi skribis al kelkaj mondkonataj firmoj, instigante ilin, ankaŭ Esperanton uzi por siaj prospektoj, uz-instruoj ktp. Samtempe mi aldonis provojn de tradukaĵoj.

Ĉi-sube tradukitaj fragmentoj el la respondoj ricevitaj:

„Ni ricevis . . . kaj dankas pro viaj traduko kaj peno, sed bedaŭrinde ni ne povas ĝin uzi.

Certe disvastigado de iu fabrikajo povas esti pro tio malhelpata, ĉar uzinstruoj kaj prospektoj ne estas presitaj en iu komunlingvo, sed ĝis nun ni al Esperanto ne atribuas tian gravecon por pravigi la plikostojn de l' presado . . . ."

Alia firmo skribas:

„. . . . ĝis nun ni ne povas decidiĝi, eldoni niajn presaĵojn en la nomita lingvo."

Do, nia movado suferas je tiu „ĝis" aŭ „ĝis nun". Industrio kaj komerco atendas, ĝis Esperanto, la internacia, universala lingvo, estos sufiĉe disvastigita. Certe tute prudenta argumento — el ilia vidpunkto. Sed tiuj, kiuj poste . . . post kiam la „ĝis" ne plu estos malhelpilo . . . volos profiti per uzo de nia lingvo, tute forgesas, ke la disvastigo okazas sole per oferoj de malriĉaj, ofte tre malriĉaj homoj, plenaj de idealoj. Nur ili oferas por lernolibroj, gazetoj, kunvenejoj kaj unuiĝoj Esperantaj.

La aliaj, kontraŭe, sole pensas pri sia nuna ebla malgajno kaj pri riĉa profito, — kiam la tempo venos.

Laŭ mia opinio la esperantistaro (la gravaj unuiĝoj, kongresoj kaj gazetoj) tro malmulte okupas sin pri tiu punkto: ĉiam kaj ĉiam denove encerbigi al la amaso, ke ekzistas internacia lingvo jam sufiĉe disdisvastigita, eĉ ĉiam pli kaj pli disvastiĝanta, precipe konata en landoj, kie oni ne parolas la anglan, francan kaj hispanan lingvojn. Ke industrio kaj komerco povas negoci en landoj, kun kiuj ili ĝis nun ne aŭ nur malfacile interrilatas.

Tute ne sufiĉas, ke oni tion prediku nur en Esperanto-gazetoj kaj dum Esperanto-kongresoj, sed la legantaro trovu tiajn anoncojn, indikojn, artikolojn en siaj nacilingvaj ĵurnaloj kaj fakgazetoj. Ofte! Ĉiutage iun sciigon pri nia afero! Certe oni por tia agado bezonas monon, sed flugfolioj ktp. ankaŭ ne estas senkostaj kaj neniam havas la efikon kiel gazetartikolo. Kaj, ĉu vere en la movado ne ekzistas personoj, kiuj interrilatas kun eldonistoj de nacilingvaj gazetoj ĉiuspecaj? Ĉu ili jam klopodis, lokigi interesan priesperantan artikolon? Eĉ dum kongreso en kelkaj gazetoj tute ne troviĝis ia sciigo pri tia okazintaĵo, kvankam hotelistoj kaj aliaj entreprenistoj per tia amasiĝo de fremduloj sufiĉe enspezas.

Do, oni klopodu, jam nun interesigi tiujn rondojn por Esperanto, kiuj post nelonga tempo rikoltos, riĉe rikoltos sen penaj semado kaj vartado — la maturan „verdan frukton". Eduard Sykora, Wien.

### Propagando per aviadilo.

S-ro C. M. C. en P. S. (vidu en Leterkesto n-ro 35) opinias reklamon por nia lingvo per brueganta aeroplano multflanke kondamninda. Parte s-ro C. M. C. certe estas prava: Ekzistas pli bonaj rimedoj por propagandi. Ni ne volas varbi kiel la Savarmeo, kiu propagandas per trumpetoj kaj kantoj. Tamen, aviadilo kun Esperanto-teksto, fluganta dum Esp.-kongreso, signifas honorigon por la kongresanaro, kaj tial la esperantistaro ne povas plendi aŭ kritiki. Por esperantistoj la dua celo, propagandi, povas esti nur agrabla. Masko.

### Pli da objektiveco!

Kapskuante mi legis la „Leteron el Polujo" en Heroldo n-ro 48. Mi ne estas polo, do ne kompetenta pri internpolitikaj aferoj kiaj estas la sejmelektoj. Tamen mi sentas min devigata eldiri, ke la citita letero pro troa neŭtraleco kaj senkoloreco estas neobjektiva.

Kial hodiaŭ aŭ time silenti pri la mondkonataj faktoj, ke per diversaj kruelaj rimedoj, per malliberigo de opoziciaj deputitoj, nuligo de kandidatlistoj, malsekretigo de la elektprocedo ktp. la registara bloko influegis la elektojn, dum ĝi mem senskrupule konfesas tion?

Heroldo estas neŭtrala organo, sed neŭtraleco ne konsistas en tio, ke oni silentas pri ĉio neagrabla. Ni aŭdigu kuraĝe nian voĉon por justeco ĉiam kaj ĉie; niaj „leteroj" kaj raportoj montru klare tiun tendencon. H. Nischwitz.

### Legorondoj.

Kun ĝojo ĉiuj esperantistoj en la lastaj jaroj konstatis, ke la eldonado de originalaj kaj tradukitaj libroj multe pliviglilĝis. Tiu fakto estas des pli pripensinda, ĉar ĝi montras, ke nia movado eniris en finance pli fortan epokon ol antaŭe. Tamen la eldonado de Esperantaj libroj ĝis nun ne estis profitodona entrepreno, kaj multaj ĉiuj kaj eldonistoj jam sufiĉe grave suferis pro ekonomia perdo, kiun kaŭzis malmulta kaj malrapida aĉetado.




## La scenejo de nia nova romano.

En München, reĝino de la sudgermanaj urboj, komenciĝas nia nova romano **„Vagabondo kaj Sinjorino"** de D-ro Walther Kloepffer, traduko de Ludwig Goppel. De München la romano kondukas en Svislandon al Zürich; sed tie ne trovas trankvilon la kavalir-vagabondo, la ĉefpersono de l' romano; li aviadas al Marseille, la pordego tiel al okcidento kiel al oriento, la sorĉa havenurbo en Sudfrancujo. Tamen, ankaŭ Marseille ne povas reteni lin — li iras Rivieron; al Monaco-Condamine, Nice, Monte Carlo k. a. Malgraŭ tio, ke oni nomas la Rivieron paradizo de Eŭropo, la sopiro direktiĝas — al München, la bavara ĉefurbo; kial, tion vi komencu legi en niaj venontaj numeroj.

Bedaŭrinde, la aŭtoro ne permesis publikigon de personaj sciigoj pri si, pro diversaj gravaj kaŭzoj. Sed en Germanujo la romano jam havis konsiderindajn sukcesojn. Unue ĝi aperis germanlingve en semajna ĵurnalo ilustrita, kiu havas tre altan eldonnombron, poste kiel libro en konata libroeldonejo germana: Wilhelm Goldmann-Verlag G. m. b. H. en Leipzig. Kaj tiu lasta permesis la represon — cetere tre imitinda ekzemplo por aliaj eldonejoj nacilingvaj — ne postulante honorarion por tio. Post apero en Heroldo ni eldonos ankaŭ ĉi tiun verkon libroforme kiel ĉiujn antaŭajn. Kaj nun ni volas tion interpreti, kion la aŭtoro mem diris pri sia verko:

— Kun la modelo de mia Conny Quinn mi konatiĝis post la milito. Ie inter Haffileh kaj Hodeida en la Ruĝa Maro. — Efektive! — La viro sidis sur kajuta pordo, kiun la kaldron-eksplodo de la „Queen Elisabeth" kvazaŭ ĝuste por li estis ĵetinta en la maron. La tiama situacio ankoraŭ nepaliĝinta estas en mia memoro. La malica, sulfurflava ĉielo, la minacanta akvo, nia nun post iom subakviĝanta ŝipo, la flosantaj ŝarĝaĵoj kaj tute proksime antaŭ mi siluete tranĉita el la vibretanta aero senzorga, ridetanta, bruna aventurulvizaĝo:

„Please, Sir. Loko abundas. Se vi scius nun trian gentleman'on, ni povus ludi skaton."

Estis neeble rezisti al ĉi tiu invito. Mi piedfrapis la malkomfortan tektono-trabon, al kiu mi kroĉis min en la unua ektimego, kaj rampis sur la komfortan sidlokon de tiu simpatia, juna viro, kiu estis en malsekiginta, lavendoblua piĵamo kaj plezurite cirklomovis sian dikan piedfingron. Je la vespero ni rampis proksime de Ed nedifektite sur la bordon kaj kune malplenigis kruĉon da Raki.

Ĉi tiu neforgesebla „Please, Sir" inter Haffileh kaj Hodeida estis forminta ponton de amikeco inter mi kaj tiu viro, kiu por mi fariĝis, ĉiam denove, korpiĝo de plej profunde flegata sopiro en nia tempo rigidiĝinta kaj kalkiĝinta en utilaĵoj. Kiu estas Conny? Vagabondo, kiun la maltrankvileco de la sango sencele pelegas ĉirkaŭ la terglobon, lin kondukis en dilemajn situaciojn kaj lin devigis al kapturnigaj decidoj. Aŭ, alivorte: homo, kiu laŭplane serĉis la ekscentrecon, por elaste provi sian eksterordinaran vivoforton je la kontraŭaĵoj de la medio. Manon al la koro! Ni ĉiuj, dronantaj en nombroj kaj formuloj, iom sopiras al la supera facilanimeco de vagulo, al lia neligiteco, al liaj aventuraj veturoj en la bluan malproksimon.

Ĉu ne parolas el ni, ignorante ĉian edukadon kaj prikalkulon, io alia, kion ni tage kaj hore devas subpremi, por ne perdi nian korektan okcident-eŭropismon? Io tre atavisma, kio forbruliĝas nian sangon, kio nin maltrankviligas kiel cikonion antaŭ la flugo al la sudo, kaj kio liberiĝas plenforte en niaj sonĝoj?

Ni konfesu: ni ĉiuj havas en ni peceton de Conny, tiel, kiel la plej mizera malliberejo ĉelo havas sian peceton da blua ĉielo.

•

Petite, la aŭtoro D-ro Walther Kloepffer skribis pri Esperanto: „Pri Esperanto, kiun mi ne sufiĉe konas, mi havas la opinion, ke nature estus idealo, se ĉiuj popoloj de la terglobo povus interkompreniĝi pere de tiu ĉi komuna mondlingvo trans siaj limoj kaj de buŝo al buŝo."

•

Kaj nun ni deziras al niaj karaj legantinoj kaj legantoj grandan ĝuon legante nian novan romanon „Vagabondo kaj Sinjorino".

---

Ĉu do esperantistoj malemas aĉeti Esp.-literaturon? Ne, sed ili ne tute konscias, kiel finance malfacila estas la eldono de iu libro en Esperanto, kaj tute ne pripensas, ke ĉiuj verkistoj meritas nian subtenon.

Kompreneble, ke ĉiu ne povas aĉeti ĉiujn novajn Esp.-librojn. Tion nur povas fari la riĉuloj. Sed subtenu tiun entreprenon, starigante en via loko Esp.-legorondon kun 5 ĝis 10 membroj. Ĉiu membro pagu ĉiun monaton malgrandan kotizon, kaj la prezidanto de tiu legorondo aĉetos de tempo al tempo laŭ la stato de la kaso novajn kaj malnovajn librojn, kiujn la membroj mem elektas. La prezidanto unue legas la librojn kaj poste ili iras laŭvice al ĉiuj membroj. — Post unu jaro (prefere en aŭtuno) la legorondo kunvenas eventuale kun aliaj samideanoj por aŭkcie vendi ĉiujn librojn. Se oni ekhavis specialan ŝaton por iu libro, oni dum la aŭkcio povas ĝin aĉeti. Tiamaniere oni ekhavas startsumon por la venonta legojaro, kaj tiel la kotizo estos malpli granda.

Laŭ sperto mi scias, kiel bonege funkcias tia legorondo kaj kiel interesa ĝi estas, ĉar mi en la pasinta jaro aranĝis nian „kvinfolion" (ĝi konsistas el 5 membroj). Regule ni kunvenas por interŝanĝi librojn kaj por priparoli ilin.

Estimataj legantoj, pripensu tion kaj starigu en via loko tian legorondon! Vi nepre spertos, ke estos unike interesa kaj sukcesa entrepreno, kaj pripensu, kiom valora estas tia subteno por niaj verkistoj kaj eldonistoj!

L. Friis, instruisto, Aabyhøj, Danlando.

### Ĉu „propagandisto"?

S-ro Zeischler el Leipzig, mondvojaĝinto, vizitis nian urbon. Nia samideanaro gasteme akceptis lin kaj ebligis al li intervjuojn de niaj gazetraportistoj.

Plena aŭdejo priatentis lian prelegon, sed, ho ve!, kiam mi ekaŭdis la strangajn sonojn el la buŝo de l' oratoro, kiuj laŭdire estis lingvo Esperanto! Fia elparolo de konsonantoj kaj eĉ vokaloj, tute malĝusta akcentado, senorde intermiksitaj ununombro kaj multnombro, nekono de akuzativo, krome la preleginto libere anstataŭigis Esp.-esprimojn per pure germanaj vortoj. Tio kaj ankaŭ la kvintesenco de lia prelego faris malbonan impreson. La mondvojaĝinto parolis ĉefe nur pri sia persono kaj ne pri la landoj, kiujn li travojaĝis. Estas tute neinterese, kiel li kaj lia akompaninto estis puŝataj per polica forto de unu loko al alia!

Konkludo: tiaj homoj, kiuj nebone posedas Esperanton, ne montru sin sur la scenejo, ĉar por nia movado ili estas r e k t a m a l u t i l o. Al la samideanaro restas, ĉu oni tion ebligu aŭ malebligu! O. A., Ljubljana.

### Superlativoj.

Bedaŭre oni devas konstati, ke jam malofte en la Esperanto-gazetaro simplaj kaj moderaj esprimoj. Ekz. neniu kurso finiĝas bone aŭ kontentige, sed ĉiuj estas „brilegaj", „eksterordinare sukcesaj", „triumfaj". Adiaŭo de s-ro Scherer estis „pompa", kaj, samtempe „ceremonia".

Oni devas ja deziri, ke sukcesoj estu notataj kiel sukcesoj; sed ni konsciu, ke post pli malpli longa tempo Esperanto efektive eniros en la epokon de l' vera triumfo. Per kiaj vortoj ni tiam anoncos niajn progresojn, niajn sukcesojn? Ĉar ĝis tiam certe ĉiaj superlativoj estos elĉerpitaj ĝisnaŭze. „Sed se la salo perdas sian forton, per kio oni salos?" Beko.

### Laponlando.

Ripetfoje mi legis la vorton „Laplando", kiu laŭ mia opinio estas nepre malĝusta. La vorto „lapo" (de Zamenhof mem) estas botanika esprimo signifanta iun planton alkroĉiĝeman, kaj „lapono" estas la nomo de popolgento en la nordo de Eŭropo. Ekzistas ja eta diferenco inter „lapo" kaj „lapono". Jo.

### La uzo de l' streketo ĉe kunapartenaj vortoj.

Oni povas ofte trovi dupartajn esprimojn, kies kunaparteneco estas neniel signata, ekz. Esperanto klubo, Zamenhof strato, radio disaŭdigo, rotario kongreso. Tiaj formoj troviĝas plejmulte ĉe britaj gesamideanoj, kiuj imitas sian gepatran lingvon. La apudmeto de du vortoj ankoraŭ ne signifas (en Esperanto) ilian kunapartenecon, alie oni ja povus skribi ankaŭ skribo tablo, manĝo ĉambro, edziĝo festo ktp. La kunecon oni povas esprimi en la supre nomitaj ekzemploj, a) per interstreketo: Esperanto-klubo, Zamenhof-strato ktp.; b) per senpera kunigo: skribotablo ktp.; c) kelkfoje ankaŭ per adjektivigo de la unua parto, ekz. landa registaro, Oksforda universitato k. s. Beko.

# Zamenhof kiel fonetikisto.

De Alfred Dormanns.

Tradukis el germana lingvo J. Berger.

En la lingvistiko reliefiĝis dum la lastaj jaroj ĉiam pli kaj pli helpa scienco, kiu origine estis tre malgranda kaj modesta: la fonetiko. Nuntempe la fonetiko jam okupas tiel firman kaj regantan pozicion, ke neniu serioza esplorado de lingva fariĝado povas ignori ĝin. En la tempo de 1870 ĝis la komenco de l' 20-a jarcento vni rigardis lingvon kiel ion precipe skribe fiksitan; sed de proksimume 1900 oni ekkonis pli kaj pli klare, ke lingvo unuavice estas io parolata, kio nur pli poste estis skribe fiksata. Tio estas ligita kun la fakto, ke la lingvistiko turnis sin, en pli granda mezuro ol antaŭe, de la lingvoj el la orienta kaj klasika tempoj antikvaj, atingintaj nin nur per siaj literaturaj monumentoj, al la lingvoj modernaj, kiuj ĝis tiam estis ludintaj nur malgravan, akcesoran rolon. Jen montriĝis en frapa klareco la cirkonstanco, ke la parolataj signoj, t. e. la sonoj, ne povis esti reproduktataj grandparte per la tradiciaj literoj. Do, la unua tasko tiam estis: fiksi la sonojn ekzistantajn en iuj lingvoj ekzakte laŭ voĉalteco, volumeno de la elspirita aero, pozicio de buŝo kaj laringo, sonkoloro, nombro de la vibradoj ktp. El tio rezultas ke la fonetiko estas scienco kun karaktero matematika-fizika; ĝi palpas per siaj mezur-instrumentoj la laringon de l' parolanta homo, registras parolitajn sonojn laŭ diversaj vidpunktoj, elpensas fonetikan sonsistemon, esploras la akcentadon kaj klopodas solvi la interesan problemon de la parolmelodieco.

Por ni esperantistoj la rezultoj de la fonetiko estas precipe gravaj pro tio, ke la fonetiko en la lastaj jaroj esploris, ĉu koincidas la sonsistemo de Esperanto kun ĝiaj rezultoj aŭ ĉu ĝi ne koincidas. Oni procedis kun forta skeptikemo: la fonetiko ja tute ne ekzistis en la naskiĝa horo de Esperanto, almenaŭ ĝi ludis nur tre malĉefan rolon; krome oni „flaris" je Zamenhof la nefakulon, kiu estis sin miksinta en aferojn de la gildo. De ĉiam estas malagrabla demando en la germana scienca mondo, ĉu ne estas plej bona maniero simple mortigi per silento eksterprofesianon kaj lian genian ekpenson. Ĉu Zamenhof estis genia fonetikisto? Jes, li estis tia, kvankam tiam ankoraŭ ne naskiĝis la fonetiko. Lia natura praktika sentado kondukis lin al sonsistemo, kiu neniel kontraŭas la rezultaĵojn de moderna fonetiko. Tion mi deziras montri, samtempe atentigante pri tio, ke ne estas bone nek utile, starigi firmajn leĝojn pri prononcaj demandoj, pri kiuj — eble intence — silentis nia majstro.

Ni komencu je la *vokaloj:* a, e, i, o, u; mankas ä, ö, ü, unue, ĉar ili ne estas komunaj al ĉiuj lingvoj, kaj due, ĉar ili estis origine duoblaj sonoj. La du preskaŭ vertikalaj streketoj aŭ punktetoj super a, o, u estas lasta restaĵo de malgranda origine gotika „e"; parolataj ili estis unue a—e, o—e, u—e, nur pli poste ä, ö, ü. Volapük konservis tiujn sonojn, kaj se oni konsideras, ke Zamenhof verkis sian lingvon en la flortempo de Volapük, do sub la sugestia impreso de la boneco de l' Volapük-sistemo, lia praktiko jam montras fortan fonetikan progreson. Pri la prononcado de la kvin vokaloj Zamenhof apenaŭ ion diris; rimarkinde estas, ke ankaŭ la Lingvaj Respondoj preskaŭ nenion enhavas pri tio. Mi opinias ke Zamenhof agis bone; ni vidos, ke ĉikonceme oni povus apenaŭ diri ion devigan.

Per la sonskribilo (tio estas aparato, kiu transdonas la movojn de l' parolporta laringo per delikata risortaro al malrapide rotacianta fulgumita cilindro, kie ili desegniĝas en formo de blanka linio; la linio fariĝas tie, kie la pinglopinto forigas la fulgon) — la fonetiko sen ia dubo konstatis, ke estas tute neeble, paroli la vokalojn ĉiam samlonge; tio estas, laŭ pure fizika leĝo, neeblaĵo. Gutzmann promesis al pluraj poreksperimentaj personoj ne malgrandan rekompencon, se ili, atestate de la sonskribilo, kapablus elparoli du vokalojn egale aŭ proksimume samlonge; kiel eksperimentaj vortoj servis: aha, oho, uhu. — Montriĝis ke en la ekkrio „aha" estis konsiderinde pli longe elparolata la „a" portanta la akcenton. En „áha" la unua „a" fariĝis je 50% pli longa ol la dua, en „ahá" la dua „a" estis pli longa preskaŭ je 40% ol la unua. Similaj estis la rezultaĵoj por oho, uhu kaj por pli ol dusilabaj vortoj. Do ankaŭ en Esperanto estas neeble elparoli ĉiujn vokalojn samlonge, ekz. en „rolo" la akcentata, t. e. la unua „o", fariĝas nepre pli longa ol la dua. Sekve, tre prudente agis Zamenhof dirante, ke la Esperantaj vokaloj estu elparolataj duonlonge, do ke li ne provis fiksi ion firman sur la malfirma grundo de la vokallongeco. Eble Zamenhof eĉ plene atentis la sugestian forton de la nacilingvaj modeloj, ne postulante de esperantisto, kiu latinan „finis" (fino) nepre parolis kun longa unua „i" (tion pruvas la latina metriko!), ke li mallongigu tiun „i" en Esperanta „fino". La potenco de l' kutimo estus neniiginta tiun teorion.

Ankaŭ pri la tonalteco de la vokaloj Zamenhof saĝe silentis. La fonetiko konstatis per siaj diapazon-aparatoj, ke preskaŭ ĉiu homo parolas en malsama tonalteco, kvankam ĉe anoj de la sama lingvo la diferencoj ne estas tiel grandaj, ke la aŭskultanto, apartenanta al la sama lingvanaro, ne povus identigi la aŭditan vokalon, ankaŭ se ĝi estas parolita en alia tonalteco. Sed ĉe diversaj lingvoj la diferencoj jam estas tiel senteblaj, ke la franca „i" klare estas la plej tonalta, la germana troviĝas en la mezo, la angla estas jam tiel basa, ke ĝi, laŭ fonetika vidpunkto, ŝanceliĝas inter „i" kaj „e"; tio signifas ke la franca „i" havas la plej grandan nombron da vibroj posekunde, la angla „i" la plej malgrandan. Do estis saĝa ago de Zamenhof tute ne tuŝi ĉi tiujn delikataĵojn en la nacilingvoj. Estas interese ekscii, ke Jespersen en sia „Novial", aperinta en 1928, eĉ postulis, ke la distanco inter du sonoj estu plejeble malklara; do anglo havu la liberecon paroli sian anglan „i" inter „i" kaj „e" ankaŭ en la mondhelplingvo. Ĉu oni rajtas iri ĝis tiu punkto, mi pridubas.

Respondi la demandon, ĉu oni prononcu vokalojn fermite aŭ malfermite, ne estas eble el vidpunkto de l' fonetiko. Fine, estas tute ekstera, malĉefa demando, ĉu oni interkonsentas en la praktiko pri malfermita, duonfermita aŭ tutfermita prononcmaniero. Sed ĉiukaze oni interkonsentu kaj efektivigu severe la rezulton; la tendenco kondukas al tute malfermita elparolo de la Esperantaj vokaloj. Sed ĉu iu parolas malfermitan aŭ fermitan „o", ne gravas: la interkompreno ĉiukaze estas kompleta. Ankaŭ ĉi-rilate Zamenhof saĝe silentis.

Nun iom pri la *konsonantoj,* el kiuj estas konsiderindaj nur: c, ĉ, ĝ, h, ĥ, k, s, ŝ. La songrupo c—k—s estis ĉiam la zorgobjekto de la elpensintoj de mondlingvoj. Ĉiukaze neniam estas uzitaj samaj signoj por fiksi tiel malsamajn sonaĵojn en la eŭropaj nacilingvoj kiel la grupo c—k—s. La francoj parolas „c" antaŭ palataj vokaloj, t. e. antaŭ vokaloj de hela sonnuanco (e, i) kiel la „s" en Esperanto, sed antaŭ gorĝaj vokaloj, t. e. antaŭ vokaloj de malhela sonnuanco (a, o, u) kiel „k"; per tio „k" kiel litero fariĝas nebezona. Sed ankaŭ antaŭ gorĝaj vokaloj „c" povas esti elparolata kiel „c" (s); tiam oni skribas „ç", sed submetas la duan „c" renversitan sub la unuan kiel cedilon, t. e. malgranda „c" (en la skribo: ç). Sed ankaŭ la litero „s" havas la sonvaloron de tiu-„c" antaŭ palataj vokaloj aŭ tiun de la cedilita „c" antaŭ gorĝaj: do t r i skribsignoj servas por esprimi la s-sonon en la franca lingvo; aldoniĝas krome „ti-", se en latina lingvo sekvis „o" (nation, fabrication). Tian multsignecon Zamenhof devis forigi. Li fiksis ke „k" estu germana k, „s" = malmola s, kaj „c" = t+s. Ĉi tiu solvo estas fonetike neriproĉebla. Por ekkoni tion, oni devas klare prezenti al si, ke ideala solvo estas neebla; se oni nepre volus atingi tian solvon, oni devus „forverŝi la infanon kun la banakvo", forigante la grupon c—k—s el la mondhelplingvo. Jespersen faris la unuan paŝon al tio en Novial, elĵetante tute simple la literon „c" el la alfabeto; tiun literon li nomis „la diablo de ĉiuj lingvoj". Sed tio kaŭzis strangajn skribobildojn, ekz. „nasion" (nacio), kiujn oni, legante, nefacile ekkonas. Jespersen, kiu estas mem konata fonetikisto, ankaŭ asertis, ke „c" estas duobla konsonanto, kiu, samkiel ĉiuj duoblaĵoj, devas esti forstrekita el ĉiuj mondlingvaj sistemoj. Certe, laŭ fonetika vidpunkto, „c" = t+s, sed nur en la plej favora kazo de kupliĝo de najbaraj sonoj: „t" estas formata per meto de la langopinto kaj de l' fino de la langodorso al la interna faco de la supraj tranĉdentoj (incisivoj), „s" formiĝas inter la supraj kaj malsupraj tranĉdentoj ĉe horizontala pozicio de la lango. Tiamaniere t+s povas fariĝi tiel unika kuniĝo, ke la aŭdantoj havas la impreson de unusola sono (simile al la ĉeĥa „ř", kiu fonetike estas r+ŝ, sed tamen efikas kiel simpla sono). Do estis tre prudenta ago de Zamenhof konservi la tiel esencan por la skribobildo „c" kiel sonon t+s. Rilate al „k", la nacilingvoj ree estas tiel malsamaj, ke ideala solvo por eterne restos neebla. La romanaj popoloj ne konas la literon, sed certe la sonon; vastaj partoj de la ĝermanidaj popoloj konas kaj sonon kaj literon „k", sed en certaj kazoj de amasiĝo de najbaraj sonoj ili ne elparolas ĝin, do ili efektivigas malalsimiliĝon: angle „knight" (kavaliro), etimologie la sama kiel la germana „Knecht" (servisto). Ĉi tie povis helpi nur praktika devigo: elparoli „k" ĉiam kiel germanan „k". La praktika uzado ja pravigis Zamenhofon, kaj en la modelekzemplo „knabo" la angla esperantisto ne malalsimiligas kaj klare prononcas k+n.

Iom pli bone statas la afero rilate al „s"; ĉi tie nur ekzistas la devo diferencigi la molan de la malmola sono. Zamenhof donis al sia Esperanto la romanan malmolan „s" kaj por signigo de l' mola s-sono la romanan literon „z". Kompreneble tiam la germana sonvaloro de „z" devis malaperi, ĉar germana „z" ja ekvivalentas al „c", t. e. t+s.

„ĉ—ĝ, ŝ—ĵ: Certe, tiuj ĉi sonoj ne estas komunaj al ĉiuj lingvoj, sed laŭ mia vido la unuopaj lingvoj eŭropaj (kun escepto de la ne-indo-germana baska lingvo) posedas almenaŭ du el la kvar; la ceterajn do oni kiel esperantisto devas lerni same, kiel ekz. germano, kiu lernas italan lingvon. Ekzistas miloj da homoj, kiuj prononcas „ĝ" en la vorto „giorno" (tago) tute trafe laŭ itala maniero — kaj esperantisto kredeble ne estus kapabla por tio?

Plej akre oni polemikis kontraŭ la „h" en Esperanto. Sed estas neĝuste, ke la romanaj lingvoj ne havas „h". Kiel litero „h" estis kaj estas konata en la sudo (herba; homme; ho); kiel sono nepre ekzistis latina „h", kvankam la antikva romano havis liberecon prononci ĝin aŭ ne. Ŝajnas ke la roma popolo, la „plebs romana", ne prononcis „h", dum en la poezio aperas preskaŭ nur formoj kun „h". Tial oni rajtas supozi, ke la vorto „areno" (Arena) atingis nin en la vulgarlatina formo, dum la poezio montras nur „harena". Ankaŭ la fakto ke Romo en la imperiestra tempo kun la sama prefero parolis greke kiel Germanujo dum la 18-a jarcento france, supozigas ke la greka h-sono en la skriba formo de l' „spiritus asper" (forta blovo) ĝuste en tiu epoko novevivigis la latinan parolatan „h".

Pli malfacila estas la problemo de l' „ĥ", kiu korespondas al la germana finsono en „ach, Dach, wach". Certe ne pravas tiuj kiuj asertas, ke tiu sono nur ekzistas en germana lingvo: ĝi ofte troviĝas en nederlanda (gegeven, gaan, goed), kaj la germanlingva sviso ŝajnas esti speciale kreita por tiu sono. Sed malgraŭ tio tiu „ĥ" ne estas tre taŭga, ĉar ĝi necesigas grandan fortostreĉon kaj sonas ne tre bele en romane bonsona sonaro. La fonetiko mezuris, ke por la ĥ-sono oni bezonas 32—37% pli da forto ol por la „ĉ", post ĝi la plej forta sono. La praktiko deturnis sin grandparte de tiu sono, anstataŭigante ĝin plejofte per „k": kemio, orkestro ktp. Sed en kelkaj kazoj ekestas malfacilaĵoj. En „ĥoro" devos resti la ĥ-sono, ĉar per anstataŭigo de „ĥ" je „k" fariĝas „koro" el la „ĥoro". Tre praktika estas la formŝanĝo de „ĥina" je „ĉina": la angla „China" montras „ĉ", kaj „kina" povus esti „kinematografa".

Je la fino mi deziras ankoraŭ aludi la mirindan fonetikan senton, kiun montris Zamenhof, kiam li principe malakceptis duobligojn de samaj konsonantoj. Por la fonetikisto nature estas malpli grave, ĉu duobligoj kaŭzas specialan kaj nenecesan elspezon de skribforto; por li pli grava estas la demando, ĉu skribe esprimata duoblaĵo samsignifas al duobla ŝarĝo de la laringo, kaj se jes, ĉu tiu ŝarĝo de la laringo falas sur la duoblan konsonanton aŭ sur la antaŭan vokalon. Estas unu el la plej geniaj ekkonoj de la fonetika scienco, ke ĉiu konsonanta duobligo ne ŝarĝas la konsonantojn, sed la antaŭe starantan vokalon. Se italo elparolas la nomon de la plej granda itala lingvisto Alfredo Trombetti, li faras paŭzon antaŭ la du „t", kiu estas ekzakte tiel longa, kiel la tempo necesa por elparoli la unuan „t", kaj nur poste li elparolas u n u „t", la duan laŭ fonetika vidpunkto: Trombä-ti. Se Zamenhof estus konservinta la duoblaĵojn — kio povus lin logi por garantii facile rekoneblan skribobildon — tiam li, ne volante ĝin, estus enkondukinta longajn kaj tre longajn vokalojn en Esperanton.

En la praktiko tiu ĉi demando fariĝas aktuala ĉe „Finnlando, finna" ktp. Laŭ mia scio oni neniam atentigis pri tio; sed laŭ severa procedo oni devus forstreki unu „n", el kio rezultus „fina", kio certe estus intermiksebla kun „fina" (de fino). Oni ne scius, ĉu ekz. estas aranĝita „finnlanda" aŭ „fina" vespero, se oni vid-aŭdus „fina vespero". Sed se restas „finna" (la plej bona solvo), la „i" fariĝas el fonetika vidpunkto trolonga, kvankam ĝi ŝajnas mallonga al la aŭdanto; ĝi fariĝos eĉ pli longa ol en „fino", se oni laŭ latina modelo parolas longan „i". Solvo estus eble „finlanda".

Oni vidas, ke Esperanto ankaŭ eltenas fonetikan esploradon, kaj la viro ĝin kreinta antaŭ kvar jardekoj trafis en sia praktika lingvokreado pli facile la ĝustan vojon ol stabo da instruitaj teoriistoj. Koro kaj pulmoj sanas: Esperanto povas maljunegiĝi kaj tamen resti eterne juna.

## **Faskon da aldonoj**

vi trovas en la nuna numero de Heroldo:

1. Prospekton por la Librofesto,
2. gazetformatan folion pri „Jarmiloj pasas",
3. mendo-poŝtkarton por la Mond-historio.

Ne lasu preterpasi la Tagon de la Esperanta Libro sen libromendo!

## Zamenhof-festoj per Radio.

Ankaŭ en ĉi tiu jaro diversaj Radio-sendstacioj festos la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof per specialaj disaŭdigoj. Ni ĝojas pri tio kaj la esperantistoj, kiuj havas Radio-ricevilon, certe multnombre aŭskultos ĉi tiujn dissendojn. Sed ne forgesu la ĉefaĵon: skribu al la parolanto, skribu al la sendstacio pri via aŭskultado, por ke la send-asocioj vidu, ke la aranĝoj trovas intereson en la tuta mondo.

Ĝis nun anoncis Zamenhof-feston per Radio jenaj sendstacioj:

**Alger.** Adr.: Amicale du Poste Radio P. T. T., 31, Boulevard Camille Saint-Saëns, Alger, Afriko. — Lunde, 15. 12. 23.15 MET: Zamenhof-memoriga festo. — Ondlongo: 364 m.

**Breslau.** Adr.: Schlesische Funkstunde, A. G., Breslau 18, Germ. — Dimanĉe, 14. 12. 15.15—15.45 MET. — Parolado de f-ino M. Polier kaj deklamado de s-ino Schwarz en Esperanto kun germana traduko. — Sendstacioj: Breslau, 325 m, Gleiwitz 259 m.

**Lille.** Adr.: Radio-stacio en Lille, Porte de Paris, Lille, Francujo. — Lunde, 15. 12. 20.30 h. MET — A. Trotin: Zamenhof. Sendstacio: Lille P. T. T. Nord, 265 m.

**Moskva.** Adr.: Centra Komitato de Sovetrespublika Esperantista Unio. Poŝkesto 630, Moskva, Sovet-Unio. — Marde, 16. 12. 19.30—20.00 MET: Zamenhof-festo. — Ondlongo: 1481 m.

**Nürnberg.** Adr.: Deutsche Stunde in Bayern, Funkhaus Hopfenstrasse, München, Germ. — Marde, 16. 12. 18.45—19.05 MET: A. Starke: Zamenhof ĉe la Bulonja Kongreso. El „Vivo de Zamenhof" de Edmund Privat. — Poste: Preĝo sub la verda standardo. — Sendstacioj: Nürnberg, 239 m — München, 533 m — Augsburg, 559,7 m — Kaiserslautern, 269,8 m.

**Odessa.** Adr.: Radjo-Centro, Lenina str. 17, Odessa, Sovet-Unio. — Lunde, 15. 12. 18.50—19.50 MET. Esperanta koncerto Zamenhofa. Radjo-sonfilmo „Ruĝa Prjesnja" (Esperante). 19.50—20.00 MET: Parolado pri Zamenhof de N. Ĥolm. — Ondlongo 450 m.

**Warszawa.** Adr.: Polskie Radjo, Warszawa, Polujo. — Lunde, 15. 12. 14.40 MET — Parolado de Prof. Wiesenfeld — Ondlongo: 1411,8 m.

### Radio-sonfilmo en Esperanto.

Aŭskultu Radion Odessa (450 m) je la naskiĝtago de D-ro Zamenhof (15. 12.) je 18.50—20.00 MET. Odessa dissendos Radio-sonfilmon „Ruĝa Prjesnja" (Esperante). Krom tio estos disaŭdigata Esp.-koncerto kaj parolado pri Zamenhof. Sendu poŝtkarton al: Radjo-Centro, Lenina 17, Odessa, Sovet-Unio. (Vidu la artikolon: Zamenhof-festoj per Radio.)

## Leterkesto.

**Al sendintoj de literaturaj manuskriptoj.** Ni ne povas individue respondi al ĉiu bonvola sendinto de lit. manuskriptoj; sed ni esperas ke dum januaro ni povos publikigi novan „Liston de literaturaj manuskriptoj" en alfabeta arango. Bonvolu atenti tiun liston!

**Al almetintoj de poŝtmarkoj.** Ni ne estas kolektantoj de poŝtmarkoj. Pro tio estas tute senvalore almeti en leteroj adresitaj al ni poŝtmarkojn (escepte de germanaj), ĉar ni tute ne povas uzi ilin. Kial vi ne almetas respond-kuponojn de UEA? Ili estas praktikaj kaj eĉ multe pli taŭgaj (inter esperantistoj) ol la internaciaj respond-kuponoj eldonitaj de la poŝto. Do, ĉiu samideano ekipu sin per respond-kuponoj de UEA, por ke en kazo de bezono, li povu uzi ilin.

**R. B. P. en O. kaj K. L. en B.** Bedaŭrinde ni ne povas liveri al vi senpagan abonon aŭ abonon nur kontraŭ pago de afranko. Ĉiusemajne ni ricevas petojn pri senpaga liverado jen por bibliotekoj kaj legejoj, jen por propagando, jen de malliberuloj ktp. Ni jam liveras regule ĉ. 150 senpagajn abonojn; krom tio ni ekspedas ĉiusemajne centojn da ekzempleroj por varbado, propagando ktp., tiel ke por 20—25% de la tuta eldonnombro de Heroldo ni ne ricevas pagon. Tio preskaŭ jam superas nian kapablon. Se ni povos ankoraŭ konsideri iun aŭ alian peton pri senpaga liverado de Heroldo, tio povos esti, maksimume, al **malliberuloj** aŭ personoj en simila stato, kiu absolute malebligas al ili la ricevon de Esp.-jurnalo. — Heroldo n-ro 2 (1930) estas elĉerpita; ekzistas jam nur kompletaj jarkolektoj.

**P. M. en W.** Ni jam respondis al via amiko per la „Leterkesto". Se via amiko deziras individuan respondon, li aldonu al sia letero respond-kuponon de UEA aŭ de la poŝto.

**B. Br. en L.** Jes, vi estas prava; sed vi ja bonvolis jam anticipe senkulpigi nin per „erari estas home". Dankon kaj salutojn!

**G. D. S. en U.** Kompreneble vi povas daŭrigi vian abonon en la komunikita maniero. Dankon kaj saluton!

**J. N. en Gl.-Rh.** Estas neeble, en „Leterkesto" ĉiam t u j respondi. Ni ne bone komprenas, kion vi volas diri per via letero de 28. 11. Eble vi volas esprimi, ke ICK ornamas sin per sukcesoj atingitaj de aliaj? Sed, koncerne atingon de sukcesoj, ŝajnas al ni, ke ĉ e f a f e r o estas la a t i n g o m e m, kaj ICK ja estas la reprezentanto de la Esp.-m o v a d o — do, ankaŭ de via grupo kiu dum tri jaroj prilaboris la aferon de la Zamenhof-disko. Salutojn!

# KALENDARO
## de la esperantistoj por 1931
aperos fine de decembro.

**Arta produktaĵo kun multaj kaj gravaj sciigoj pri la Esp.-movado. La prezo estos gmk. 1.50 + 10% por afranko. Mendu jam nun ĉe la Libro-fako de „H e r o l d o", ĉar ni presas nur limigitan kvanton.**

# Kio estas ISK?

Vi trovos respondon, legante la samtitolan artikolon en la **esperantlingva eldono** de la revuo „ISK" (organo de Internacio de Socialista Kunbatalo),
**n-ro 8, de Oktobro 1930.**

M e n d u senprokraste tiun ĉi numeron kontraŭ 0.50 sv. fk. aŭ 2 respond-kuponoj al la Administrejo de Esperanto-„ISK", Servette 79, Ĝenevo (Svisio) aŭ al jenaj perantoj: en B r i t i o : The Manager, „ISK", 190 Brockley Road, London SE 4; en F r a n c i o : André Pâris, 82 rue d'Arcueil, Malakoff (Seine), poŝtĉek-konto Paris 1089 24; en G e r m a n i o : Expedition des „ISK", Göttingen, poŝtĉek-konto Frankfurt a. M. 381 27; en U s o n o : W. Hoops, 6557 University Drive, St. Louis, Mo.

**A b o n p r e z o p o r l a j a r o : 2 s v i s a j f r a n k o j .**

# Sendube
ĉiuj ŝatantoj de la Esperanto-literaturo legos avide la gazeton
# Literatura Mondo
ĉar ĝi estos la **plej bela, pure literatura gazeto** en Esperantujo.

Ĝian valoron garantias la ĉefredaktoroj:
**Julio Baghy** kaj **Kolomano de Kalocsay**

la regulaj kunlaborantoj: J. D. Applebaum, A. Behrendt, P. Bennemann, Miŝu Beraru, M. Blassberg, K. Bodó, T. Cart, Helmi kaj Hilda Dresen, R. Eichenbaum, Jean Forge, Teo Jung, I. Jurysta, L. Halka. S. Kamaryt, E. Knutsson, I. Lejzerowicz, W. Lippmann, T. Morariu, P. Nylén, Jan van Schoor, Kenelm Robinson, K. R. C. Sturmer, J. Šupichová, Raymond Schwartz, F. Szilágyi, L. Totsche, Felikso, Leono kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld kaj aliaj famaj verkistoj.

Unua numero aperos la 1-an de januaro 1931. — Aperas monate.
Formato: 31×23 cm. sur 16—24 paĝoj.
Abonprezo: 7.50 markoj aŭ egalvaloro.

Agentejoj en ĉiuj landoj.

Postulu senpagajn specimenon kaj prospekton ĉe la administracio de Literatura Mondo, Bleier Vilmos, Budapest X, Boráros tér 6. IV. 11. Hungarujo.

**Liberigite de reŭmatismo**

mi volonte sciigas ĉiun, kiu liberigis min rapide kaj malmultekoste de ĉi tiu turmentega malsano. Demandantoj bonvolu ĉemeti resendaĵn kostojn. (Internacian respond-kuponon). Adreso: Vidvino Ch. Wald, **Dresden A. 24,** Schlüterstr. 16, Germanujo. (46

**Letervespero.**

Esperanto-klubo de **Malmö** aranĝos letervesperon la 28. 12. 1930. Bonvolu sendi leterojn kaj poŝtkartojn! Unufoja respondo garantiata. Adreso: „La Esperanto-hejmo", Rörsjögatan 14, **Malmö,** Svedujo.

**Laboron serĉas**

tri rultornistoj (28-jaraj), egale kie, plej volonte en Hispanujo. Skribu al UEA-delegito K. Menn, **Siegen/Westf.,** Rodelschwingstr. 12, Germanujo. (45

**„En la lando de la rozoj".**

Sub la jena titolo aperis artikolo en n-ro 37 de Heroldo. La samideanoj, kiuj tradukis ĝin en naciaj gazetoj, estas petataj sendi al mi ekzempleron de ili. Krom tio al ĉiu, kiu sendos al mi ekzempleron de kia ajn nacia ilustrita gazeto (kun klarigoj en Esperanto), mi sendos tian de la bela gazeto „Bulgara turisto" kun bildoj el Bulgarujo. Mi interŝanĝas fotojn kaj bildojn. Iv. Ŝivarov, Esperanto-lektoro, 134 Karlovska, **Plovdiv,** Bulgarujo.

**Hemoroidoj**

tuj saniĝas se uzo de sapo „HAEMOR" de D-ro Maeder. Havebla antaŭpage por 2.15 svisaj frankoj por unu, aŭ 6.30 por tri pecoj ĉe Leona Apoteko, D-ro Maeder, **St. Gallen C.,** Svisujo. (42

**Korespondantoj!**

La Nord-Londona Esperanta Klubo deziras starigi du ĉenojn da korespondantoj ĉirkaŭ la mondo — unu laŭlatitude, la alian laŭlongitude. Do ĉiu esperantisto, kies loĝejo troviĝas aŭ inter la latitudoj 48° kaj 56° norde, aŭ inter la longitudoj 4° okcidente kaj 4° oriente, aŭ en la Fiĝiaj Insuloj aŭ Novzelando kaj kiu deziras korespondi kun unu el la klubanoj, bonvolu tuj skribi al la sekretario, 34 Evesham Road, **Londono,** N. 11. Respondo garantiata. (44

**Interniaro.**

Sciigon pri la „Interniaro" sendas s-ro F. Curto Basté, Oliva 28 (Sagrera), **Barcelona,** Hispanujo. (24

**150 geinstruistoj**

partoprenInte kursojn miajn ekde oktobro 1929 deziras korespondi kun gekolegoj alilandaj. Sendu poŝtkarton ilustritan (poŝtmarko bildflanke) al Studkonsilisto Dyba, **Berlin-Niederschönhausen,** Moltkestrasse 4, Germanujo.

**Korespondadi**

deziras grupo tuj finonta kurson ĉe Popola Altlernejo. Inter ili: geinstruistoj, geoficistoj kaj laboristaj gejunuloj. Fine de decembro okazos publika fermvespero de la kurso kun ekspozicio. Sendu abunde salutojn. Helpu! Respondo garantiata. Adreso: Tautas Augstskola, Esperanto grupo, **Liepaja,** Latvio.

**21-jara pola esperantisto**

deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj (poŝtmarkoj bildflanke). Krom tio mi deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kaj naciajn flagetojn kun gesamideanoj de la tuta mondo. Respondo garantiata. M. Pasmanik, Novomiejska 26, **Łódz,** Polujo.

**Korespondado.**

S-ro Max Hirschnitz, **Tharandt i. Sa.,** komercisto, deziras korespondi pri diversaj temoj kun gesamideanoj de la tuta mondo, prefere kun gesamideanoj de Japanujo kaj Ĥinujo.

**Juna esperantisto**

deziras korespondi kaj interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun samideanoj de la tuta mondo, speciale kun studentoj el la teknikaj altlernejoj en Praha, Brno, Heidelberg, Darmstadt, Karlsruhe, Mannheim k. a. Nepre respondos. Adreso: Ivan Hr. Puŝkarov, teknikisto, **Dupnica,** Bulgarujo.

**Korespondado.**

Mi deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kaj leteroj kun gesamideanoj de la tuta mondo. Hans Roemer, **Blankenheim-Eifel,** Germanujo.

**Gepiuloj!**

Skribu leterojn al mi kaj mi respondos. Adr. Felix Burman, Ljusheden, **Burträsk,** Svedujo.

**Anglaj lernantoj**

deziras ricevi por letervespero poŝtkartojn ktp. Turnu vin al s-ro H. Tingey, grupa sekretario, Bethnal Green, Men's Institute, Bethnal Green Road, **London E. 2,** Anglujo.

**Korespondado.**

Du junaj esperantistoj en **Plungé,** Litovujo, deziras korespondadi kun fraŭlinoj tutmondaj. A. Stropus, gimnazija; Z. Asauskas, „Naujoji Valgykla".

**Tri gesamideanoj**

deziras korespondadi kun eksterlandaj gesamideanoj. Respondo estas garantiata. Adreso: Antonio Bilinszky, **Budapeŝto V,** Váczi ut. 166, 11.15, Hungarujo.

**Interŝanĝo.**

Kun Endre, **Orosháza,** Hungarujo, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn. Certa respondo.

**Interŝanĝo.**

S-ro Sulho Lehto, **Abo,** Poste restante, Finnlando, interŝanĝas novan jubileoserion kaj aliajn finnajn poŝtmarkojn kontraŭ bonaj eksterlandaj. Ne sendas unue.

**Interŝanĝo.**

S-ro Raimo Raevuori, **Järvenpää,** Finnlando, interŝanĝas poŝtmarkojn. Deziras ankaŭ transmarajn.

**Korespondado.**

Hungaraj esp. grupanoj el **Satu Mare,** Rumanujo, deziras korespondi kun gesamideanoj de la tuta mondo: s-ro Andreo Bura, Grâd. Pepinilor 4; f-ino Heleno Friedmann, Str. Alexandri 76; f-ino Ilona Klein, Str. Col. Jacobini 16; s-ro Jozefo Kocsis, Str. Grozavescu 6; f-ino Lea Scharf, Str. Abatorului 3; s-ro Ludoviko Weiner, Cal. Traian 17; s-ro Arpad Vajnay, Primaria.

Verlag u. Druck (Eldonejo kaj Presejo): Teo Jung, Köln, Brüsseler Strasse 94. Verantwortl. Schriftleiter (Resp. Redaktoro): Teo Jung, Köln; Joseph Berger, Köln.

KUL